XXVIII-a Jaro. — N° 387 (11) Monata Novembro 1932.

# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto: H. HODLER. — Redaktoro: D-ro Edmond PRIVAT. — Direktoro de UEA: Hans JAKOB.
Adreso de la Redakcio kaj Administracio: 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.

ENHAVO: Universala Movado, de Edmond Privat (157). — La Gazeto de la XXIV-a U.K. de Esperanto: La bilanco de la XXIV-a (158). — Komentario pri la 24-a Kongreso (160). — Oficiala Informilo de UEA n-ro 22 (161). — Por helpi al UEA (161). — Esperantistaj problemoj: La rentebleco de Esperantista entrepreno (162). — Cseh-kursoj (163). — Tra la libraro (164). — Bibliografia Servo de UEA (168). — Socio kaj Lingvo: Lingva atlaso (169). — Lingvaj studoj: Ofteco de vortoj (169). — Konsilo al tradukantoj (170). — 25-a U.K. de Esperanto, Kolonjo (170). — Moderna propagando per aeroplano (171). — Esperantista parolejo (171). — Internacia hejmo Esperantista, raporto (172). — Turismo (173). — Alvokoj (173). — Oni dankas (174). — Esperantista vivo (174). — Niaj mortintoj (174). — Korespondado, Petoj kaj proponoj (175). — Subtenantoj 1932 (175). — Aldono: Bulteno de l'Internacia Labora Oficejo, N-ro 50.

## Universala Movado

Se la esperantistoj uzus por disvastigi sian lingvon eĉ la duonon de la fervoro elspezata por organizaj diskutoj, ili mirus pri la grandegaj rezultatoj. Tial, eĉ se ĝi devus havi nur mil anojn, estus utile konservi almenaŭ unu asocion vere universalan kiel UEA por grupigi tiujn personojn, kiuj malŝatas esperantistan polemikemon kaj interesiĝas nur pri tuja utiligo de nia lingvo kaj realigo de Zamenhofaj ideoj.

Tia estis la tendenco de la fondintoj, Hodler kaj Rousseau, kaj videble ankaŭ la opinio de la granda plimulto de la nunaj okmil membroj, laŭ la ricevita korespondado. Pro tio UEA daŭros kaj fidele plenumos sian taskon plue kaj antaŭen. Pri tio ne povus ekzisti eĉ dubo aŭ hezito.

Ĉu tio signifas, ke UEA malpermesos al Naciaj Societoj interrilati kaj diskuti kune rimedojn por unuecigi sian propagandan laboron aŭ ŝpari monon ? Kontraŭe. Dum la milito UEA tenis en mano ĉion saveblan. Post la milito ĝi ebligis la fondon de *Konstanta Reprezentantaro de Naciaj Societoj* kaj havigis la financan bazon al la nova I.C.K. dum la unuaj jaroj. Baldaŭ ambaŭ flankoj de la movado subtenis ĝin pli malpli egale.

Lastan jaron UEA suferis finance pro la ekonomia krizo kaj devis forte redukti sian subvencion por 1933. Tiam oni nuligis la kontrakton de Helsinki. Ĝi plaĉis nur, kiam UEA estis riĉa kunulo. Nu, tio estas ja homa kaj teknike defendebla.

Samtempe oni proponis reveni al la antaŭmilita projekto de *Federacio de Naciaj Societoj* kaj peti UEA, ke ĝi malaperu por transdoni al tia unuiĝo sian nomon, sian havaĵon kaj sian Jarlibron. Se la reprezentantoj de UEA en Parizo estus akceptintaj tion, ili estus agintaj kontraŭ la volo de la plimulto de la membroj kaj kontraŭ la sperto de la fondintoj. Ili ne meritas riproĉon. Nia gazetaro sin honorigus, lasante ĉiujn personaĵojn for de tiu diskuto. Ĉiu rajtas diversopinii pace kaj sincere.

Nia movado estas antaŭ ĉio universala. Bazi ĝin ekskluzive sur naciaj organizoj estus danĝere kaj neniam gajnos unuaniman konsenton. Tiam venus novaj homoj, kiuj refondus denove asocion laŭ la principoj de UEA. Se devus ekzisti nur unu tutmonda societo, ĝi devus bazi antaŭ ĉio sur individuaj membroj sen distingo de raso, nacio aŭ kredo.

Anoj de sama regno aŭ sama nacilingvo povus tiam unuiĝi por propagandaj celoj kaj ricevi de la centro parton de sia kotizo kiel subvencion al tiu teritoria laboro. Ĉio tio estas jam nun ebla laŭ la statuto de UEA.

En movado kiel la nia, estus paradokse detrui la universalan bazon kaj ne la nacian, se unu devas malaperi. Se la esperantistaro forte volus nur unu solan organizon, tiam estus devo de UEA realigi tion kaj mem anstataŭi la naciajn societojn.

Sed ĝis nun tiu deziro mankis. Ankaŭ UEA ne ambiciis engluti ĉion. En ĉiu nacio ekzistis diversaj bezonoj kaj UEA respektis la ekziston de naciaj societoj kaj klopodis kunlabori anstataŭ batali por ilin malaperigi, kiel oni proponis al ĝi multfoje.

Praktika solvo estas por ĉiu nacia movado decidi pri sia formo kaj kontrakti aparte kun UEA, kiel ĵus faris la Aŭstria Asocio kun granda sukceso por eviti la « dualecon ». Estus facile proponi modelon de simila kontrakto al ĉiu nacia societo.

Konklude : UEA nepre daŭru kaj rekte rilatu kun naciaj societoj por ilin demandi kion ili deziras. Se unu solan universalan asocion ili preferas, tiam ili povos organizi naciajn teritoriojn de UEA kun reprezentantoj en ties komitato. Se plenan sendependecon ili pli ŝatas, tiam ili povos subskribi kun UEA liberan kontrakton laŭ sia plaĉo.

Ambaŭ vojoj estas eblaj. Preta por kunlaboro, preta por unuecigo, preta por sendependenco, UEA trankvile daŭrigu sian laboron, sed firme konservu sian universalan bazon, la fundamenton de nia movado.

Edmond PRIVAT.

# Tra la Mondo Esperantista

Oka Numero Septembro 1932

# LA GAZETO DE LA XXIV A

## UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

La 24-a kongreso jam estas historiaĵo. Sed jen venis la oka numero de la kongresa gazeto kun signifa ĉefartikolo de Raymond Schwartz « Kvazaŭ voĉo transtomba ». Efektive vi estas prava, kara kolego-redaktoro, kiel voĉo transtomba venis tiu ĉi numero, memorigante al ni, ke estis la 24a kongreso, dume ni kutimas jam paroli pri la 25a en Kolonjo. Ĉar en *Esperanto* aperis nur tre resuma artikolo, valoras ke ni ne simple fermu la ĉapitron — 24-a *kongreso* — en nia historio, sed ke ni ame restu momenton ĉe la okazintaĵoj kiuj plaĉis al ni, kaj ni forgesu tion, kio estis kontraŭa.

Kun atento ni legis la artikolon de S-ro Warnier kaj ŝajnas al ni plej bone, represi ĝin. La Kongres-gazeton presis samideano Polgar, la esp. « Presisto-majstro ». Specialaĵo estis la titolo, kiu en ĉiu numero montris alian karakteron. Ni estas feliĉaj ke ni povas prezenti al vi tiun titolon, kies tipografian klarigon vi legas nun. (Red.).

---

Per la titolo de la lasta numero de la *Gazeto de la XXIV-a* ni prezentas la modernegan karakteron francan Bifur, kiu kaŭzis tre multajn diskutojn. Ĝia aŭtoro estas la bone konata pentristo Cassandre, kaj la gravuradon direktis Charles Peignot, filo de la kreinto de « Nicolas Cochin », « Grasset » kaj aliaj karakteroj, el kiuj ni prezentis jam kelkajn al niaj legantoj.

La principo de ĉi tiu karaktero estas tio, ke ĉiuj literoj de l'alfabeto diferenciĝas inter si nur per kelkaj elementoj; ĉiuj aliaj elementoj estas senutila balasto. Krome, ĉiu litero alprenas sian ĝustan formon nur kiam ĝi troviĝas kun aliaj literoj, — tio estas, formas parton de vorto. Sekve en la individua litero de Bifur troviĝas nur tiuj elementoj, kiuj diferencigas ĝin de aliaj literoj.

La efekton povos juĝi la leganto per la nuna titolo, kiu estas kompostita kun maldika karaktero, kiu taŭge evidentigas la specialan econ de Bifur. Oni povas havi diversajn opiniojn pri la nova stilo; restas la fakto, ke ĉiutage ĝi pli populariĝas en Francujo.

La kompostado kaj kliŝado de nia titolo estas faritaj de la fandejo Deberny & Peignot, kiu publikigis la karakteron Bifur en 1927.

E. V.

## La Bilanco de la XXIVa

La tralegado de du Raportoj pri la Kongreso, tiu de s-ro Teo Jung en *Heroldo de Esperanto* kaj tiu de s-ro H. J. K en *Esperanto* de Ĝenevo, iom ĉagrenis min pro unu punkto, kiun ili absolute flanklasis dum ĝi ŝajnas al mi la plej atentinda.

Ĝi estas la signifo de la XXIV-a Kongreso por la estonto de nia movado.

Ke oni pasigis ĝoje la noktojn, aŭ ke la kongresejo estis labirinto, aŭ ke mankis la naciaj kostumoj en la balo, tio ja estas raportindaj faktoj. Mi dubas ĉu ili alportos al nia samideanaro en la tuta mondo utilan informon por propagando en la venontaj tempoj.

Bazo de tiu propagando estas la progresoj akiritaj antaŭ la publika opinio kaj antaŭ la oficialaj rondoj.




GRAFIKO PRI LA ALIĜO AL LA 24-A

Ne forgesu, karaj amikoj, ke de tiu progreso dependas viaj propraj entreprenoj, ĉu ĵurnaloj, ĉu asocioj, kaj lasu lokon en viaj kolonoj por le jenaj faktoj, kiujn vi ne substrekis :

1e Ke la XXIV-a estis invitita de la Komerca Ĉambro de Parizo.

Eble por multaj tio ne havas grandan signifon. Por ili komerca ĉambro estas... komerca ĉambro kaj nenio plu. En la nuna okazo ĝis estas multe pli ol oni ofte opinias. Ĝi estas la plej grava komerca korporacio en Franclando. Fakte ĝia Prezidanto estas ankaŭ Prezidanto de la Kunveno de ĉiuj komercaj ĉambroj en la lando. Kiam la Pariza Ĉambro de Komerco donas sian opinion al la Registaro pri ia temo oni ja scias, ke tiu estas bazita sur atenta, metoda kaj inteligenta studo de la faktoj.



PROF. BUJWID MALFERMAS LA SOMERAN UNIVERSITATON...

Nun ne forgesu, ke plej gravaj komercaj lernejoj en Parizo dependas de tiu Ĉambro, ke Esperanto estas instruata en kvar el ili, ke Ĉe-kurso en Ecole de Haut Enseignement Commercial pour Jeunes filles (Lernejo por Alta Komerca Instruado de fraŭlinoj), kiun sekvis 55 fraŭlinoj 16-18 jaraj brile sukcesis dank' al f-ino Elinjo Pâhn kaj Julio Baghy.

Pripensu, ke la instruado de Esperanto en la lernejoj estas la sola rimedo por ĝenerala alpreno de helpa lingvo, ke oni devas ĝin atingi paŝo post paŝo kaj konstatu, ke la unuaj paŝoj — la plej malfacilaj — estas faritaj dank'al la Ĉambro de Komerco en Parizo. Tiun fakton metu antaŭ la okulojn de homoj kiuj okupiĝas pri instruado, profesoroj kaj lernejestroj. Ili tiel ekscios ke ili ne havas riskon organizante kursojn de Esperanto. Se ili hezitas, ili skribu al la Komerca Ĉambro, kiu detale raportos pri sia daŭra sperto.

Ankaŭ notu, ke en la belega domo kie ĝi akceptis la kongresanojn (ĉu vi ne estis informita pri tiu honoro s-ro H. J. K. ?) la Ĉambro de Komerco posedas unu el la plej kompletaj bibliotekoj de esperantaj libroj ekzistantaj en la mondo (donaco de Generalo H. Sebert).

Nun eksciu, ke la Komerca Ĉambro de Parizo sendis personajn leterojn al ĉiuj gravaj komercaj ĉambroj en Eŭropo kaj invitis ĉiujn Registarojn kiuj havas reprezentanton en Parizo por ke ili partoprenu en la XXIV-a Kongreso.

Notu la rezultaton. Kvindek unu komercaj ĉambroj sekvis nian manifestacion kaj dek unu Registaroj (Aŭstrujo, Brazilo, Ĉeĥoslovakujo, Estonujo, Finlando, Germanujo, Liĥtenŝtajno, Nederlando, Norvegujo, Polujo kaj Rumanujo) sendis oficialan delegiton kaj aldonu al tiuj signifaj faktoj ke la Kongreso estis sub alta Patronado de s-ro Albert Lebrun, Prezidanto de la franca Respubliko, kaj dek unu francaj Ministroj membroj de la nuna Registaro estis membroj de la Honora Patrona Komitato, inter kiuj s-ro Edouard Herriot, Prezidanto de la Ministra Konsilantaro, Ministro de Eksterlandaj aferoj.

Ĉu vi ne opinias, ke ĉio tio havas signifon ? kaj altan valoron ? Ĉu vi komprenas kiom da klopodoj estis necesaj por akiri tiun rezultaton. Kaj ĉu gravas vere post tiuj faktoj se kelkaj kongresanoj ricevis sian rabatfolion iom malfrue aŭ se estis *troeco da aranĝoj*.

Pri tiu punkto. Laŭ mia persona opinio la « Somera Universitato » estas superflua. Sed la L.K.K. estis formale *invitita* ĝin organizi. Kion fari ? Ĉu ribelo kontraŭ I.C.K. ? Ni elektis pli paceman solvon. Ni renversis la programon de I.C.K. kaj elektis temojn kiuj altiros la publikon.



S-RO JOHN MERCHANT PAROLAS...

La multnombraj aŭdantaroj de la Somera Universitato pravigis nian farmanieron, kaj tamen la ĉarmo de promenadoj sur la parizaj stratoj aŭ de vizitoj en la magazenoj estis danĝera konkurenco.

Oni diras, « ke Parizo kiel kongresurbo ja estas iom danĝera ». Eble, sed ĝi estas la sola urbo kie povas okazi internacia kongreso se ĝi deziras veki la intereson de la Gazetaro, ne nur franca sed ankaŭ eksterlanda.




LA ĈEFREDAKTORO DE L'KONGRESA GAZETO ESTAS KONTENTA !

Eble la kongresanoj tion ne rimarkis, ĉar ili ne legis niajn francajn gazetojn, sed en preskaŭ ĉiuj kaj ĉiutage estis ĉu artikolo ĉu informo pri nia afero. La plej grava pariza gazeto *Le Petit Parisien,* kiu presigas ĉiutage *pli ol unu miliono* da ekzempleroj, aperigis sub subskribo de nia sindona amiko Marcel Génermont dukolonan artikolon antaŭ la Kongreso, kaj ankaŭ post la Kongreso. Amaso da eltranĉ-ajoj el plej diversaj gazetoj kuŝas sur mia tablo. Kaj nun aperos gravaj artikoloj en monataj revuoj, ekzemple *Vendre* la plej grava gazeto pri reklamo kaj organizo de entreprenoj.

Ankaŭ oni ne forgesu la gravecon de la solena malferma kunsido en Sorbonne. Oni ne imagu, ke la granda amfiteatro de tiu Templo de la Scienco estas luebla kiel ia teatro aŭ danc-halo. La Rektoro de la Pariza Akademio faris al la Kongreso grandan honoron kaj grandan favoron metante je nia dispono tiun belegan kunvenejon.

Ke la Prezidanto de la Franca Respubliko, la Ministro de Eksterlandaj aferoj kaj tiu de Nacia Edukado, la jam nomitaj dek unu Registaroj, la Internacia Labor-Oficejo, la Instituto Internacia de Intelekta Kooperado delegis Reprezentantojn al tiu kunsido ankaŭ montras certan progreson, kiam oni memoras ke antaŭ dek jaroj oni malpermesis en nia lando organizi kursojn de Esperanto eĉ en la unuagradaj lernejoj.

La kongresanoj, kiuj partoprenis la viziton en *Hôtel de Ville* ne forgesos la akcepton kiun ili ricevis de la Urba Konsilantaro. Malofte mi aŭdis pli koran alparolon kaj nur bedaŭras, ke la manko de spaco malpermesas represi ĉi tie la afablajn kaj signifoplenajn vortojn de Vic-Prezidanto Lionel Nastorg.

Mi ja scias, ke ĉio ne estis perfekta en la organizo de la Kongreso, sed plej bedaŭrinde estas, ke ĝi facile povis esti perfekta.

Se iu dubas, li nur konsideru la jenan kurbon de la aliĝoj je la fino. de ĉiu monato. [1]

Kion fari en fino de junio kiam ni devis fiksi la lastajn detalojn ? Ĉu dungi novajn oficistojn ? Ĉu lui taŭgan teatron por la prezentado de Knock ? Ĉu presigi dufoje pli da planoj, dokumentoj ol necese ? Kiam ni laŭ la tiama nombro de kongresanoj antaŭvidis deficiton de kvindek mil francaj frankoj ?

Tiu sperto almenaŭ helpu por la XXV-a en Köln. Esperantisto kiu *intencas* ĉeesti la Kongreson nepre sendu sian kotizon kiel eble plej frue. Se pro malfacilaj cirkonstancoj li ne povos ĉeesti, nu li ne tre suferos pro *donaco* de 125 frankoj al la kaso de la Kongreso, sed rajte fieros pri la helpo, kiun il estos doninta al la L.K.K.

Nun, karaj geamikoj, vi revenis al viaj hejmoj. Kiam via penso revivos la momentojn kune pasigitajn en Parizo, ne forgesu, ke la arda deziro de la L.K.K. estis unue kontentigi vin, due antaŭenpuŝi la progreson de nia movado.

Ĉu ni sukcesis pri la unua punkto, restos via sekreto (ne tute, cetere, ĉar mi jam ricevis centon da ĉarmaj kartoj kaj leteroj). Estu konvinkitaj, ke — dank'al via partopreno — ni plene sukcesis pri la dua.

La oficiala apogo donita de la Franca Registaro al la XXIV-a, estas por nia afero potenca armilo kaj signas novan epokon en la historio de nia movado. Nur ne forgesu, ke unuiĝo, disciplino, senlaca laboro estas nepre necesaj, se ni *volas,* efektivigi la mirindan revon, la noblan idealon, la superhoman entreprenon de nia bedaŭrata kaj kara Majstro L. L. Zamenhof.

G. WARNIER,
*Prezidinto de la XXIV-a.*

[1] Vidu la paĝon 158.

# Komentario pri la 24-a Kongreso

DE DELFI DALMAU

*G. Warnier.*

La prezidinto de la L.K.K. estas ĉarma paroladulo per Esperanto, kaj lerta prezidulo. Li bonege impresis al la parizaj aŭtoritatoj kaj al la esperantista kongresanaro. Lia edzino estis inda kunlaborulino de tia prezidinto.

⁂

*« Literatura Mondo »*

La literaturmondanoj aktive partoprenis la Kongreson. Kelkaj kongresanoj opinias ke ilia partopreno estis pli *aktiva* ol *literatura.*

⁂

*Politiko.*

La sensacia noto de la XXIV*a* estas la disŝiro de la Kontrakto de Helsinki. La unuecigo de *kotizo* ŝajnas simpla vojo al venko de unu organiza spirito kontraŭ alia arganiza spirito, de unu *politiko* kontraŭ alia en nia ĝenerala kaj centra movado. Sed la politiko de Esperantujo ne estas lingva afero. Ĝi povas esti, sendepende de Esperanto, politiko pli malpli fidela al la *interna ideo* kaj al la principoj de Homaranismo.

⁂

*Perfektigeblo de UEA.*

Ĉio homo en la mondo estas perfektigebla, ĉar eraro estas interhome ne evitebla, kaj nobla celo kaj certa eblo estas al komprenado, spertado, lernado kaj malpliigo de eraro. Do UEA estas perfektigebla, ĉefe pri akurateco kaj amplekso de respondado al delegitoj kaj ceteraj kunlaborantoj de la Asocio, eĉ kiam ili ne nur skribas pri pago de kotizoj. La delegitoj de UEA estas eble la vera granda armeo de la pacaj batalantoj de Esperantujo, kaj ili meritas grandan atenton, ĉu por ĉu kontraŭ.

⁂

*Politiko de UEA.*

UEA estas por ĉiuj membroj vera Esperantujo sen politiko nacie sentebla aŭ maloportuna. UEA estas la plej fidele neŭtrala Esperanto-asocio. Flandroj kaj valonoj, katalunoj kaj hispanlingvanoj ĉiam sentis sin oportune, libere, juste, amike en UEA.

⁂

*Politiko de K.R.—I.C.K.*

K.R. ne sukcesis eviti maloportunaĵojn inter siaj membroj. Antaŭ kelkaj jaroj, la reprezentanto de la Kataluna Federacio rajtis saluti la Universalan Kongreson en la oficiala malfermo, eĉ kontraŭ opozicia pretendo de reprezentanto de hispanlingva Asocio. Ĉi-jare, kiam ĉiuj reprezentantoj de Esperanto-asocioj en la Hispana Respubliko harmoniis, dank' al komprenemo de niaj karaj samideanoj Piño, Escartin, Azorin, la reprezentanto de la katalunlingvaj esperantistoj ne rajtis, laŭ la nuna vidpunkto de K.R. aŭ de I.C.K. Ankaŭ tial ne rajtis reprezentanto de la Flandra Ligo. Tamen rajtis reprezentanto de germanlingvaj espe-

rantistoj en Ĉeĥoslovakujo. Fakte la Kontrakto de Helsinki estis disŝirita antaŭ la XXIV*a*, ĉar ĝi ne regis jam dum malfermo de la Pariza Kongreso, malgraŭ apero de la Kongresa Regularo en la Kongreslibro. Protestis flandroj, protestis katalunoj, kaj ektimis la sudetgermanoj, kiam ĉi tiuj sciiĝis pri la maljustaĵo kontraŭ la unuaj.

* * *

*Politiko de Esperantujo.*

Multaj malgrandaj kaŭzoj ekzistis por la nuligo de la Kontrakto de Helsinki, kiu kunordigis kaj rilatigis UEA kaj K.R. per I.C.K. Sed unu granda kaŭzo de tiu disŝiro estas, laŭ nia opinio, diferenca *spirito* inter la *ŝtatistoj* kaj la *nacianoj* en Esperantujo. Nacioj estas *naturaj* diferencoj inter homoj. Ŝtatoj estas *politikaj* diferencoj. Tiuj esperantistoj pensas kaj sentas, ke Esperanto estas solvo super naturaj *lingvoj* aŭ *nacioj*. La aliaj esperantistoj pensas, ke Esperanto estas solvo super *ŝtatoj*. Tiuj ĉefe rekonas interlingvan bazon de Esperantujo, dum la aliaj ĉefe rekonas interŝtatan bazon. Ni, la katalunoj, la katalunlingvanoj, kies lingvo ne estas *ŝtata* aŭ *regna*, sed apenaŭ oficiale rekonata kiel *nacia*, nin sentas proksime de tiu polo, de tiu hebreo, kiu sentegis la maljustecon lingvan kaj nacian kontraŭ superrego de la imperiaj antaŭmilitaj Germanujo, Aŭstrujo kaj Rusujo. Tiu polo, tiu judo eksentis, kaj elsentis Esperanton. Liaj paroladoj kaj doktrinoj allogas nin. En la profundo de nia koro ni estas Zamenhofaj esperantistoj.

* * *

*Superstiĉo pri « oficialeco ».*

Esperanto kiel lingva afero nur devas posedi *oficialan lingvan* institucion. Esperantujo, popolo esperantista, popolo kiu uzas Esperanton, laŭ difino pri *esperantisto*, nur devas posedi oficialan lingvon. La popolo esperantista povas ankaŭ posedi *oficialajn* propagandajn kaj organizajn instituciojn, sed estas pli utila al la movado, vigla ne oficiala ĵurnalo kiel « Heroldo de Esperanto », kaj vigla ne oficiala Universala Esperanto-Asocio, ol malvigla oficiala ĵurnalo, kaj malvigla oficiala Universala Esperanto-Asocio. Cent, mil ne oficialaj asocioj disvastigantaj la oficialan Zamenhofan lingvon rapide en ĉiuj fakoj kaj rondoj en la homaro multe pli efikus por Esperanto ol oficialaj institucioj por diskutado inter esperantistoj aŭ pioniroj.

Barcelona, Aŭg. 1932.

---

# Por helpi al UEA

La alvoko de la Komisiono de UEA trovis ĝojigan eĥon en la vico de nia membraro kaj kuraĝigaj estas la leteroj kiujn ni ricevis. Ili pruvas unu fojon plian, kiom UEA enradikiĝis en la koro de l'esperantistoj.

La Centra Kaso malfermis specialan konton por tiuj donacoj, kiuj servas entute por kovri la perdon kaŭzatan dum 1932 el la falo de la monkurzoj. Ni raportas sinsekve pri tio.

KVARA LISTO :

| | | |
|---|---|---|
| Ŝtato 15 Septembro 1932 : 64 donacintoj kun sumo de : | Frk. svis. | 2.453.18 |
| 65. S-ro Papakonstantinov, Amorgos, Greklando | Frk. sv. | 7.50 |
| 66. S-ro Quarone, Voghera, Italujo, dankante al la ĉefdelegito hungara, S-ro Balkanyi, Budapest | Lir. it. | 10.— |
| 67. Kelkaj esperantistoj en Voghera | Lir. it. | 12.— |
| 68. S-ro Vaughan, Sandakan, Borneo | Ŝil. | 10.— |
| 69. S-ro Pető, Nové Zamky, Ĉeĥoslovakio | Kč. | 100.— |
| 70. S-ro Goodliffe, DM de UEA en Horsham, | Frk. svis. | 2.60 |
| 71. S-ro Duregger, Traunstein, Bavarujo | Gmk. | 10.— |
| Sume 71 donacintoj kun | Frk. sv. | 2.510.33 |

Genève, 25 Oktobro 1932. *Centra Kaso de UEA.*

# Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo : 1, Tour de l'Ile, Genève, Svislando**

## Oficiala Informilo

**Administra jaro 1932 N-ro 22 Novembro 1932**

---

*Stato de UEA.* — Je la 31 Oktobro 1932 la Centra Kaso enskribis kotizojn (de unua de Nov. 1931 ĝis 31 Oktobro 1932). — Por komparo servu la nombroj por 1931, je sama epoko :

| 1932 | | *Kotizoj :* | | 1931 |
|---|---|---|---|---|
| 130 | | Helpmembroj | | 113 |
| 2.924 | | Membroj (M) | | 2.789 |
| 4.572 | | Membro-Abonantoj (MA) | | 5.229 |
| 544 | | Membro-Subtenantoj (MS) | | 489 |
| 8.170 | (1932) | Stato : 31an de Oktobro | (1931) | 8.620 |

La definitivaj ciferoj pri la jaro 1932 aperos en la venonta oficiala informilo. Kutime venas ankoraŭ dum Novembro bela aro da realiĝoj por la finiĝinta jaro, kio influas la staton en bona maniero.

*Enkasigo en Britujo.* — Ni informas la membrojn kaj Delegitojn en Britujo kaj Irlando, ke pro eksiĝo de S-ro Goldsmith de sia funkcio kiel Sekretario de UEA, la peradon de kotizoj akceptas nia komitatano S-ro Paul Blaise, 19 Litchfields Ave., Morden, Surrey. Li do agas provizore kiel peranto, konforme al la statuto Art. 48.

*Nova Jaro de UEA.* — Pro prokrasto en la ricevo de dokumento, la cirkulero al la Delegitoj eliris nur meze de Oktobro, inter la deka kaj 15a, anstataŭ komence. Delegitoj, kiuj ne ricevis la sendaĵon afable atentigu nin pri tio.

*Speciala n-ro.* — Ĝi eliras meze de Novembro. Ĝin ricevas ĉiuj anoj de la Asocio. La speciala numero informas pri la stato de UEA, pri la sekvoj de la organiza problemo, pri novaj servoj kaj fine ĝi entenas la liston de la premioj por 1933. Personoj, kiuj ne ricevis la specialan numeron informu pri tio la Centran Oficejon.

---

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

### Ĉeĥoslovakio

*Ĉachtice u Nového Mesta nad Váhom* (Slov.). — D : Miloŝ Brunclik, učitel.
*Ĉeska Trebova* (Bohem.). — D : Oldrich Vanek, Broulikova ul. 936.
*Ĉesky Krumlov* (Bohem.). — D : D-ro Tomas Pumpr. Okresni urad.
*Kuttenplan bei Marienbad.* (Bohem.). — D : Hans Stark, N-ro 1.

### Nederlando

*Coevorden* (Drenthe). — D : G. T. Knol, van Heutszsingel 7.
*Gent bij Nijmegen.* — D : L. Weijts, instruisto (onderwijzer).

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestos pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

**EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :** Ne plu estas D en ienaj lokoj :

*Aŭstrio* : Sankt Margarethen. — *Britujo* : Wigan.
*Ĉeĥoslovakio* : Pihanken. — *Germanujo* : Duisburg-Ruhrort : Rossach bei Coburg.
*Nederlando* : Maarn. — *Sirio* : Rayak. — *Svedlando* : Vimmerby.
(Entute : 8 lokoj forstrekitaj)

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Septembro 1932 | 1.978 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo | 8 lokoj |
| | 1.970 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.9.32.ĝis 15.10.32 | +6 lokoj |
| Stato je la 15 Oktobro 1932 | 1.976 lokoj |

Genève, 15 Oktobro 1932. *Direktoro de UEA.*

# Esperantistaj problemoj

*Dediĉita al S-ro Teo Jung.*

## X.

### La rentebleco de Esperantista entrepreno.

En ĉefartikolo de l'dua de Oktobro en « Heroldo » ni vidas jenan frazon : 100.000 *franka deficito en malmultaj jaroj ne estas bagatelo.* Rilatas tio al aferoj de UEA. Sinjoro Teo Jung plaĉas sin nun en la rolo de bonintenca kritikanto. Ni imagas al ni, kian impreson faras tia frazo sur simpla esperantisto en fora nesto ĉe Karpatoj, kiu, pagante fidele sian obolon, opinias certe aferojn, pri kiuj la estimata kritikinto ne revis. Sed tiu ĉi frazo pri deficito de UEA dum malmultaj jaroj levas problemon, pri kiu la kritikinto ne pensis. Estas la demando, ĝis kia grado esperantista entrepreno estas gajniga, mallonge la *rentebleco.* La verkinto de nuna artikolo dum ses jaroj sisteme kolektis detalojn, bilancojn, konfidenciajn sciigojn k.t.p. kaj volas iom eklumigi certajn konstatojn. Redaktoro de semajna gazeto ja ne bezonas serĉi tion. Li vivas pli trankvile ol gvidantoj kaj respondecaj personoj. Citante unu veron, oni devus aldoni ankaŭ la alian, laŭ nia modesta opinio.

Unue pri la deficitoj de UEA : Siatempe la Komitato de UEA, vidante ke unu mono post alia bankrotis, serioze pripensis, ĉu ne estus pli bone nenion fari, lasi ĉion ĝis reveno de pli bonaj tempoj. Ekzamenante la *Por* kaj la *Kontraŭ* de tia decido, la Komitato venis al la konvinko, ke estus danĝere tion fari. Per adapto al la cirkonstancoj, oni povis egaligi certajn kostojn per la enspezoj. UEA presis en Germanujo la du ĉefajn eldonaĵojn kaj tiel savis gravajn sumojn. Mallonge : Oni serioze diskutis ĉion kaj agis laŭ prenita decido. Tio estas la periodo de 1919 ĝis 1924, jaro de l'stabiliĝo de dudeko da monoj. Jen ciferoj : (En svisaj Frankoj).

| Jaro | Spezoj de la Centra Kaso | Sumo de l'perdo | Membraro | Perdo po membro | Indekso * |
|---|---|---|---|---|---|
| 1919 | 129 179 | 9.500.— | 2907 | 3.26 | 100 |
| 1920 | 171 750 | 22.289,50 | 3675 | 6.06 | 185 |
| 1921 | 241 151 | 31.116,30 | 5387 | 5.77 | 177 |
| 1922 | 247 335 | 19.135,34 | 5983 | 3.21 | 93 |
| 1923 | 250 956 | 5.601,14 | 6153 | 0.91 | 28 |
| 1924 | 250 330 | 6.903,18 | 8073 | 0.85 | 26 |
| 1925 | 540 696 | 3.705,52 | 9239 | 0.41 | 12 |
| 1926 | 374 370 | 14.223,06 | 8500 | 1.67 | 51 |
| 1927 | 563 363 | sen | 8913 | — | — |
| 1928 | 487 234 | 8.137,31 | 8887 | 0.80 | 24 |
| 1929 | 491 977 | 5.787,59 | 8899 | 0.66 | 22 |
| 1930 | 498 458 | 3.273,63 | 8845 | 0.37 | 11 |
| 1931 | 476 799 | 2.466,65 | 8620 | 0.28 | 9 |
| | 4 723 698 | 136.139,22 Meze : 10.472.25 | Meze : 7237 | Meze : 1.86 | Meze : 57 |

* Indekso estas laŭprocenta montro de altiĝo aŭ malaltiĝo fiksante kiel 100 la ciferon kiu servas kiel komparo.

Tio estas por jaro meze 10472 Frankoj. Atentema leganto, kiu iom memoras la cirkonstancojn, konstatas facile, kiom niaj modestaj ciferoj havas certan rilaton al tutmondaj okazintaĵoj, kiuj grade influas la eblecon aliĝi kaj pagi.

Inter la esperantistaj organizaĵoj estas nur unu, kiu estas simile organizita kiel UEA, kun Centra Oficejo, kun stabo de oficistoj kaj, kio estas grava, kun sumo de enspezoj preskaŭ identa al tiu de UEA. Estas la Brita Asocio, la sola, kiu por puŝi la aferon, starigis servojn por siaj membroj kaj propagandistoj. Kaj tiuj servoj kostas monon. Ni vidu ciferojn :

| Jaro | Elspezo | | Jara Perdo | |
|---|---|---|---|---|
| | en Funtoj | en Frankoj svis. | en Funtoj | en Frankoj svis. |
| 1913 | 1391. 7.10 | 34784,75 | 226. 9.11 | 5662,35 |
| 1919 | 1625. 9. 1 | 40636,35 | 343. 7. 5 | 8583,80 |
| 1920 | 1836. 5. 9 | 45907,15 | 705. 0. 0 | 17625.— |
| 1921 | 1774. 0. 1 | 44350,10 | 368. 3. 1 | 9201,75 |
| 1922 | 1684.13. 0 | 42116,25 | 581. 7. 9 | 14534,65 |
| 1923 | 1762. 5.11 | 44057,35 | 794. 2. 8 | 19853,30 |
| 1924 | 2129. 0. 8 | 53225,80 | 731.15. 4 | 18294,15 |
| 1925 | 2382.18. 1 | 59572,60 | 915. 3. 5 | 22877,25 |
| 1926 | 2224.11. 8 | 55614,50 | 545.11. 2 | 13638,95 |
| 1927 | 2210. 6. 2 | 55257,70 | 640.16.11 | 16026,10 |
| 1928 | 2266.11. 9 | 56664,75 | 711. 0. 9 | 17775,90 |
| 1929 | 2317. 0. 6 | 57925,55 | 710. 4. 5 | 17755,50 |
| 1930 | 2609. 5. 8 | 65232,00 | 659. 9. 8 | 16487,05 |
| 1931 | 1905.16. 6 | 47645,60 | 769.15. 4 | 19244,10 |
| *Sumoj* | 26728. 4.10 | 668205,70 | 8475.17.11 | 211897,50 |
| *Meze :* | 2056. 0. 3 | 51400,40 | 652 | 16299,80 |

Ĉi-tiuj sumoj indikas do la elspezojn, kiel vidigas ilin la ĉiujara *Revenue Account*, la perdo montrita en la dua kolono estas la neta perdo, egaligita per donacoj, respektive per garantiaj subskriboj de unuopaj personoj. Rimarkinde ja estas, ke la Brita Asocio jam havis perdon dum 1913, la glora paca jaro. Dum dektri jaroj la BEA sukcesis trovi en Britujo, krom la ordinaraj kotizoj, egaligon de jara perdo inter 15000 ĝis 18000 Orfrankoj.

Kio estas la kaŭzoj profundaj de tiaj perdoj ? Unuavide ŝajnas strange, ke egaligo de ambaŭ flankoj ne estas ebla, per la simpla rimedo de la malaltigo de l'elspezoj. La kotizoj nun malfeliĉe bazas sur tio, ke ambaŭ, UEA kiel BEA *devas* liveri ion, alie dirite, devas *servi.* Ĉe UEA estas la speciala kaŭzo, ke ĝi estas devigata adapti siajn prezojn al la variaj enspezo-kondiĉoj en aliaj landoj. Se UEA povus ricevi de ĉiuj la oficialan kotizon, eĉ malpli 20 %, por kosto de varbado kaj la enkasigo, ĝi povus ĉiujare donaci belan sumon por komun-esperantistaj celoj. Matematike pruvebla, se oni penus preni plumon, raporton de UEA kaj kalkuli. Nenia sorĉaĵo.

Antaŭ la milito BEA kiel UEA laboris facile. Kaj tamen BEA havis perdon, kiu en mono kun pli alta aĉetpovo, bone povas esti taksata je nuna valoro de 9000-10000 Frk. UEA kontraŭe havis unu tre gravan avantaĝon. Ĝi havis en Hector Hodler ĉefon, kiu ne salajrite laboregis de matene ĝis vespere, eĉ loĝis en la oficejo (kaj pagis sian loĝejon, bone notu). Krom tio li ĉiam alpagis, kiam gazeto *Esperanto* kiun li eldonis je sia risko, havis perdon. Nur en 1913 la konto de la revuo *Esperanto* montris malgrandan profiton. Bone notu, sen pago al la direktoro (la posedanto) kaj kun efektive modesta salajro por la tiama administranto (75 ĝis 100 Frk monate).

Ni ekzamenu alian laborkampon. Estas la esp. eldonistoj. Ĉu ili gajnas monon, rulas en aŭtomobilo kaj fumas dikajn havanojn ? Se ekzistus tiaj, ili rajtus *pro-meritan* ordenon. Fakte, neniu esp. firmo ĝis nun povis registri veran gajnon, tian, kian oni atentus.

La esp. eldonistoj estas duspecaj. Unue, la fako ĉe granda kapitalhava firmo, kies modelo estis Hachette, Paris. Al

Rentebleco (prospero profitiga) — *Angle :* productiveness ; *Ĉeĥe :* rentabilita ; *France :* rentabilité, rendement ; *Germane :* Rentabilität, Einträglichkeit ; *Hispane :* lucro ; *Itale :* rendita.

nesciantoj sufiĉu, ke tiu ĉi firmo estas unu el la plej bonaj malnovaj entreprenoj francaj, solida, malnovmoda en siaj principoj. Dank'al Carlo Bourlet, tiu ĉi firmo starigis esp. fakon kaj eldonadis, eldonadis. Apud lernolibroj en naciaj lingvoj la firmo aperigis multajn, vere multajn tradukojn kaj originalojn, kiuj ne ĉiam facile vendiĝis. Kaj la reala profito ? Nu, estas nenia sekreto, ke firmo Hachette perdis ĉiujare sumon konsiderindan en tiu ĉi fako. En la lasta jaro antaŭ la milito tiu ĉi perdo atingis ĉirkaŭ 30000 Frankojn. La morto de Bourlet, la sekvoj de la milito kaj la regula perdo decidigis la firmon ĉesigi la esp. fakon.

La dua granda firmo kiu aldonis esp. fakon al sia entrepreno estas la firmo Ferdinand Hirt & Sohn, en Leipzig. Tiu ĉi eldonejo estas specialista por instruverkoj nacilingvaj, eldonaĵoj tre konataj en Germanujo. En Esperanto ni dankas al ĝi la belan bibliotekon *Internacia Mondliteraturo*, lerte kaj sperte elektitaj bel-literaturaĵoj, aro da romanoj kaj serio de instruiloj, ne forgesante la grandan enciklopedian vortaron de Wüster kaj la germanan vortaron de Bennemann. Ni scias pozitive, ke la vendo de la literaturaj verkoj tute ne estas kontentiga. Ideon proksimuman pri la jara rezulto ni ne havas, ĉar ni ja ne disponas ciferojn. Sed oni povas konkludi, ke el nuna halto de la serio tiom bele komencita, ke la firmo ne estas kontenta.

Sekvas en la vico esp. firmoj, fonditaj de samideanoj ĉu sendependaj « kapitalistoj », ĉu societoj akciaj pur-esperantistaj. La plej malnova estas la firmo Ellersiek & Borel, (nun Friedrich Ellersiek, G. m. b. H.) en Berlin fondita en la frua tempo de Esperanto, de sviso Jean Borel. Ne necesas, ke ni rakontu tie ĉie pri tiu ĉi firmo kaj ĝiaj valoraj eldonaĵoj, kiuj dum 1910-1914 okupis gravan lokon inter niaj presaĵoj. Kaj pri ĝia nuna estro, Friedrich Ellersiek, ni ankaŭ nenion diras, ĉar estas bone konata samideano kaj unu el la malmultaj komercistoj en nia movado kiu laboras serioze kaj fidinde. Nu, samideano Ellersiek kun rimarkindaj diligento kaj kapablo ne riĉiĝis, ja eĉ devas pene batali por ekzisti. El 20 jara rilato kun tiu ĉi firmo ni povis tion konstati kaj ne hezitas tion diri. Ni ankaŭ scias, ke la fondinto perdis konsiderindan sumon okaze de la transformo de la firmo post la milito.

En la frua tempo de Esperanto en Germanujo fondiĝis pluraj entreprenoj kun la celo komerci inter Esperantistoj. Ni memoras, ke ekzemple la eldonejo de la *Duonmonata*, periodaĵo eldonita siatempe en Leipzig, preskaŭ bankrotis. La fondinto metis por tiu ĉi tempo altan sumon en la aferon, (oni diras ĝis 80000 Markoj). Ĉu ni plilongigu la liston ? Ĉu ni menciu ke firmo Mosse, impona firmo germana, post kvarjara sperto ĉesigis la eldonon de la *Biblioteko Tutmonda* kun perdo de 100.000 Markoj ? Kaj ni aldonu, ke tiu ĉi firmo disponas pri rimedoj financaj kaj teknikaj, kontraŭ kiuj la esperantistaj bezonoj aperas kiel muŝo apud elefanto.

La Esperantista Centra Librejo en Paris, kiu transprenis la eldonaĵojn de Hachette kaj la rajton de la Zamenhofaj verkoj, povas modeste ekzisti dank'al 3 favoraj cirkonstancoj : Tre modesta aranĝo de la eldonaĵoj, uzo de stereotipaj kompostaĵoj kaj la posedo de la Zamenhofaj Verkoj. Nu, legante la bilancon de tiu ĉi firmo oni vere devas miri, ke ekzistas homoj kiuj kuraĝas labori por tiom modesta kompenso. Ankaŭ tie estas loko por forigi la fabelon pri gigantaj profitoj el la verkoj de nia majstro. Personoj kiuj sin interesas, povas facile sciiĝi pri tio, aliĝante kiel akciulo al la firmo. Tiam ili ricevas la ĉiujaran bilancon, simple kaj bone kunmetitan.

La formo de akcia societo esperantista jam ekzistis en la fame konita *Presa Esperantista Societo*, en la rue Lacépède, Parizo, eldonaĵoj presitaj de samideano Polgar, la esp. Majstro-Presisto. Nu, neniu el la akciuloj grasiĝis pro la « gigantaj » profitoj kaj ankaŭ tiu ĉi entrepreno malaperis, ne pro manko de taŭga gvido, sed pro cirkonstancoj tutsimple ne venkeblaj per pli bona organizo.

Pri unu firmo ni nenion povas diri ol tio, ke ĝi penas eldoni belajn librojn apud " Heroldo de Esperanto ". Sed la serio de belaj eldonaĵoj, la optimisma sinteno de ĝia posedanto, lia vervo kritiki aperaĵojn en Esperantujo, supozigas, ke lia entrepreno bone prosperas. Nu, kun 2000-3000 abonantoj kaj fidela klientaro S-ro Jung montris al ni, ke estas eble « *fari aferojn* » en Esperantujo. Ni, ne tiom spertaj komercistoj, ja volonte akceptus konsilojn kiel fari kaj certe ni kaj vi, kara leganto, partoprenus en la firmo per mono. Sed kiel sendependa komercisto, la posedanto ne bezonas konigi ciferojn. Sekve oni nur povas konjekti, supozi pri profitego, sed nenion pli. Eble la publikigo ĉiujara de bilanco utilus por forigi neĝustan ideon.

Resume : Entrepreno en Esperanto ne estas mongajniga afero. La tuta movado stariĝis sur la oferemo de aro da homoj, idealismaj kaj kredemaj je la sukceso estonta. Kio rilatas ĉefe la eldonon, ni jam parolis tie-ĉi pri certaj nekonataj kondiĉoj, kiuj kaŭzas tiun neprosperon. Estas ankaŭ certe, ke post serio da jaroj tio povos pliboniĝi. Sed grava kaŭzo de neprospero estas la ŝanĝo de la postmilitaj kondiĉoj, pri kio ni foje parolas per ekzemploj. Ĉiu entrepreno esperantista laboras sub kondiĉoj ne ekzistantaj por alia entrepreno. La kromelspezoj estas tro altaj, la kontakto kun la kliento devigas tro multan korespondadon kaj sekve afrankon. Ĉiuj el tiuj bonvoluloj oferis sian havaĵon al la bono de nia komuna afero kaj tio rilatas ankaŭ al UEA. Ĝia komitato, konscia pri sia respondeco kaj fidela al la deziro de la fondinto Hector Hodler, uzis la monon por helpi al la movado, funkciigi la servojn de UEA kaj klopodi internacie kie tio necesis. Bonvola kritiko ja ĉiam utilas kaj konsilojn oni ĉiam akceptas kun danko. Sed por kritiki ion, necesas bazi sur faktoj. La nuna maniero kritiki aferojn ja fatale similas al tiuj politikaj kutimoj nun laŭmodaj, senbride disĵeti onidirojn sen rilato al fakto kaj vero. H. J.

## * Cseh-kursoj *

En Leiden, Nederlando, la lokaj grupoj esperantistaj organizis kune kurson laŭ Cseh Metodo. Rezultato neatendita. Honora Komitato el lokaj eminentuloj, inter ili la urbestro apogis la entreprenon. La malfermon ĉeestis 450 personoj, la salono de l'Urba Kazino estis plena kaj multaj devis stari dum la vespero. Malfermis la kurson Andreo Cseh mem, tradukis S-ino Isbrücker. Impresis ĉeesto de S-ro Denz, indiĝeno el Surinamo, flue parolanta en Esperanto al la publiko. Enskribiĝis tuj 70 personoj por la kurso.

Gesinjoroj Morariu gvidis Ĉe-kursojn en suda Svedlando kun pli ol 300 kursanoj.

Dum Novembro ili komencis instruadi en la Universitata urbo Lund. La kurso okazas sub la protektado de la universitata rektoro, profesoro A. Moberg, prokanceliero-episkopo Rodhe, lernejinspektoro-univ. doc. Gertz kaj urbestro Gamstorp. La solena inaŭguro okazis la 3-an de Novembro en la Akademia Salono.

En Genève, F-ino Anahide Nercessian Cseh-kursanino el 1931 gvidas nun kurson laŭ sama metodo kun bona sukceso.

# Tra la Libraro

**Arto. — Literaturo. — Fakaj verkoj. — Lernolibroj, adresaroj, propagandiloj**

De la antaŭ jaroj aperinta albumo kun desegnaĵoj kaj pentraĵoj de Dűrer, ni ne vidis plu tiel belan priartan libron ol estas : *La Pentroarto en la malnova Hungarujo.* Ĝia unua parto estas studoj de fakulo, Genthon Istvan, tradukitaj de D-ro Francisko Szilagyi ; ili temas pri gotika pentroarto en Hungarujo de la 14a ĝis la 16a jarcento, kaj preskaŭ ekskluzive pri la flankaj tabuloj de preĝejaj altaroj, el ligno, sur kiuj tiamaj artistoj pentris religiajn, edifajn bildojn. Malgraŭ multaj detruoj dum la turkaj invadoj, malgraŭ influo aŭ parenceco de hungaraj artistoj kaj skoloj kun la Germana kaj Itala arto, la konservitaj artaĵoj pruvas nacian originalan artfloradon. La tre limigitaj temo



kaj epoko havigis al la verko unuecan karakteron kaj, kvankam iom senvarie laŭdaj, ŝajnas pravigeblaj la komparoj kaj konkludoj de l'aŭtoro. La traduko estas neriproĉinda, ĉar oni devas akcepti, ke tia teknika prozaĵo postulas kelkajn fakajn vortojn. La dua parto, serio da bildoj sur glazurpapero, fidele vidigas la priparolitajn pentraĵojn. Tiu cento da fotografaĵoj estas vera ikonografio, kiun precipe ŝatos artistoj kaj artamantoj, ankaŭ ekleziuloj aŭ literaturistoj. La albumo estas valora, luksa eldonaĵo ; tiajn ĝis nun malofte firmoj kuraĝis prezenti al nia samideanaro.

Tria volumo kun *Fabeloj* de Andersen aldoniĝis al la du unuaj. La fama verko de l'dana fabelisto, lia neelĉerpebla fantazio, estas tiel konataj, ke senutile estus ilin ree laŭdi. La Zamenhofa traduko kompreneble konservis samajn kvalitojn en tiu tria kolekto, kiel en la antaŭe aperintaj. Oni ne laciĝas admiri en la esperantigo de tiuj rakontoj, ĉu amuzaj ĉu instruaj, spritaj aŭ malgajaj, jen naive kortuŝaj jen tre lertaj, la simplecon, la travideblecon de l'stilo, la tujan kompreneblecon de ĉiuj frazoj, kio ja freŝe efikas kaj estas vera ĝuo post legado de aliaj komplikaj stilprovaĵoj. Oni rimarkas, ke, kvankam foje akceptante neologismon, Zamenhof estas tre singardema sur tiu vojo ; se li ne ŝtonigas la lingvon, lia laboro klare konsilas al ni ne tro rapide evoluigi Esperanton per amasaj riĉigoj de l'vortaro. Ankaŭ, kiel detalon, oni vidas oftan uzon de prepozicio « je », kaj nenian timon al ripetoj, kies evito tro inklinas kelkajn al vortproponoj. Legu ekzemple :

« ... *Ĉar tio varmigas, kaj varmon li bezonis, ĉar ekstere regis malvarma vintro.* »

« *La virino promesis, ke ŝi kondukos ilin al ĝusta vojo hejmen, kaj ili iris, sed ĝuste en la direkto ĝuste kontraŭa al tiu, en kiu ili devus iri.* »

La Fabeloj estas konsilinda, facila, interesa legaĵo por novaj lernintoj ; ili ankaŭ estas atentinda ekzemplo por tradukantoj.

Post la majstro, estas la vico de la akademianoj. Ni havas la maloftan okazon paroli samtempe pri tri tradukoj, tri teatraĵoj, esperantigitaj de tri da ili.

*Gysbreght van Aemstel,* de Joost van den Vondel, estas malnova klasika versa nederlanda tragedio, tradukita de J. R. G. Isbrűcker ; li intence obeis tre rigidajn regulojn pri lininombro, akcento, ritmo kaj rimo. « Se mi sukcesis, li diras, almenaŭ iom respeguligi en mia verko la belecon de la lingvo de Vondel kaj se mi povas iom kontribui al la konigo de lia nomo ekster nia lando por ke ankaŭ en internacia publiko li ricevu la honoron, kiun li meritas, mia celo estas atingita ». Ke S-ro Isbrűcker faris sian terure malfacilan taskon zorge, ame, science kaj eĉ talente, mi ne dubas. Sed estas certaj laboroj nefareblaj kaj certaj kondiĉoj ne kune plenumeblaj. Traduki tiel precize, tiel katenite, versan verkon kaj samtempe liveri esperantlingvan beletraĵon, tio ne estas atingebla. Do la verkon oni legas nur malfacile, oni sentas en ĝi perfortitan lingvon, la unutoneco laciĝas ; la tro oftaj nenaturaj renversoj de l'vortordo, la adasismaj rimoj, la ŝtopvortetoj, la trooftaj rimoj per pronomoj, ĉio tio difektas la plezuron de l'leganto. Pli bone estus traduki tian verkon per libera prozo, celante nur la sencon de l'originalo redoni, kaj sisteme flanklasante la klopodon neefektivigeblan reaperigi la formon de l'poemo. Mi ĉerpas pruvcele preskaŭ hazarde du citaĵojn :

« *Jam pretan Dio min, serviston sian, trovos.*
*Al Lia trono kaj ripozo venos mi.*
*Sed vi, filinoj, ĉar la vivon amas vi,*
*Ankoraŭ estas en de l'junaj jaroj ĝuo,*
*Pretiĝu al forkur', se helpos vin Jesuo*
*Kaj ŝirmos de l'danĝer'...* »

« *Ni plinombriĝis kaj daŭrigis kun bravec'*
*Por la pordegon de Harlemo, se eblec'*
*Permesus bari per kadavroj de mortintoj*
*Por la rebato de l'en urbo envenintoj.*
*Sed tro malfrue. La savita gardistar'*
*Nin jam informis, ke envenis rajdistar'*
*Kun parto de l'arme'....* »

Vi ne opiniu tamen, ke la tuto estas manka ; mi eĉ konsideras lertega tradukinton, kiu, vidinte sin tiel mallarĝe, tamen sukcesas partojn, kiel tiun batalon de l'giganto, kie troviĝas aludo al Homero, kaj kiu ankaŭ iel memorigas la inspiron de l'antikva poeto :

« *Ĉagrene la gigant' teruran bruon faris,*
*Li kiel alta tur' per kap' kaj kol' elstaris,*
*Pli alte ol la kap' de ĉiu cirkaŭant',*
*Per rostro en la rond' blovanta elefant'.*
*Li kvazaŭ maston en la manoj lancon tenis*
*Kaj pli facile ol kuniklon homon prenis,*
*Per unu kruro kaj transkape svingis lin*
*Kaj la kranion, sur la ŝtonoj rompis ĝin.*

*Li trans kanalon per bastono salti povas,*
*La forton sur riglil' de l'ŝtalaj klingoj provas.*
*Tra fer' per unu bat' li hakas kaj tra ŝtal',*
*Kranion provas sur pordegoj el metal'.*
*Li ŝajnis Polifem', ŝafaro la soldatoj,*
*Moviĝis turo de l'urbdom' pro liaj batoj*
*Sur fosto kaj fasad'. Timigis nek baston'*
*De Herkuleso lin, nek pugnoj de Ŝimŝon'.* »

---

Kontraŭe, *Knock aŭ la triumfo de medicino*, estas tute moderna proza komedio de Jules Romains. Oni ludis ĝin dum la Pariza kongreso. Laŭ gazetraportoj, la sukceso de l'prezentado ne indis la valoron de l'verko nek la bonecon de l'traduko farita de D-ro Pierre Corret. Ja ne pli taŭga tradukisto ol kuracisto kaj akademiano estus pensebla por teatraĵo, kiu tiel sprite mokas certan medicinon. Se la lerta pika ironio de l'aŭtoro, fama franca verkisto, eĉ skolestro, la sprita humoro de l'dialogo ne atingis la aŭdantaron, ilin certe perceptos la legantaro. Temas pri unu malnovmoda kaj unu modernega kuracistoj ; ili trompas unu la alian, sed Knock, la nova, sukcesas, per lerta uzo de l'sugesto, eĉ de l'blufo, ĝis enlitigi por kuracado preskaŭ la tutan loĝantaron de l'urbeto, kaj eĉ sian antaŭulon, kiam tiu revenas kaj miras, ke Knock kreis malsanulojn, kie li mem tiajn ne suspektis. Kiel moto por sia doktora disertacio, Knock elektis : « *Bone fartantaj homoj nur estas nekonsciaj malsanuloj* ». Jen kelkaj liaj aforismoj : « *Mi estas partiano de malpliigo de mortado* », ĉar kuracistoj « *devas labori por konservado de l'malsanuloj* ». Plie « *kuracisto, kiu ne povas apogi sin sur unuarangan apotekiston, estas generalo, kiu iras al batalo sen artilerio* ». « *Sano estas unu vorto, sen malutilo forstrekebla el nia vortaro* ». « *Miaflanke mi konas nur homojn ektuŝitajn de malsanoj pli malpli multaj, pli malpli rapidemaj* ». « *Kompreneble, se vi diros al ili, ke ili bone fartas, tre volonte ili kredas al vi. Sed vi trompas ilin* ». « *Nu bone ! Mi konsentas, ke sanuloj ankaŭ estas necesaj, eĉ nur por flegi la aliajn, aŭ por konsistigi, post aktivaj malsanuloj, ian kvazaŭan rezervon* ». Sed la teatraĵon oni ne rakontu ; ĝin oni legu ; kun rideto sur lipoj kaj en okuloj oni ĝuas la tipan francan mokemon kaj spritan paradoksemon. La traduko estas tute klasika, ortodoksa, preskaŭ tro, ĉar loke oni dezirus ĝin, se ne peketa, almenaŭ senbalastigita de kelkaj pezaĵoj. Mi dirus « stanisto » aŭ « ladisto » por « ferstanisto », kaj « komentata » por « komentariata » ; sed eble decas, ke akademiano montru bonan ekzemplon per plena submetiĝo al ĉiuj oficialaj reguloj, per ĝisostafundamentaneco !

Trie, *La kreitaj profitoj*, de Jacinto Benavente, estas duakta, pulĉinela komedio, moderna imito de l'italaj « comedia dell' arte » el hispana lingvo tradukita de Vincente Inglada. Kiel Knock memorigas la medicinajn mokojn en la teatraĵoj de Molière, ankaŭ la Krispin de ĉi tiu verko estas frato de la ruza Skapin. La komedio estas serio da trompaĵoj, perfidaĵoj, tre lerte aranĝitaj, per kiu la servisto Krispin tiel subtile kunplektas la diversajn interesojn, ke finfine estas ĉies profito edzigi lian mastron Leandro kun la bela Silvio, la filino de l'novriĉulo Pulĉinelo. La moralo de l'servisto estas : « for skrupulojn, kiujn dankas neniu », kaj la sukceso lin pravigas. La esperantigo estas tute bona kaj kredeble respegulas fidele la originalaĵon kaj ĝiajn kvalitojn. (La kelkajn « sia » por « ŝia » ni alkalkulas al preseraroj).

La firmo « Literatura Mondo », kiu presigis la unue pripa-rolitan artlibron, ankaŭ prezentas al ni tri bele eldonitajn kaj tre atentindajn literaturaĵojn.

La *Fabeloceano*, de Francisko Szilagyi, post sprita enkonduko de Kaloscay, vicigas unue fabelojn, sed fabelojn modernecajn, por maturuloj, kie klasika porinfana formo servas al nuntempaj temoj kaj aludoj, kie delikata ironio miksiĝas kun spicita spriteco, kie ne mankas tute ne atenditaj flankiĝoj, kapricaj idesaltoj, fruktoj de malofta imagpovo. Legu do la litanioj de « La arbetaĉo kaj la eta birdo », aŭ la anakronismojn en « Adamo kaj Evo ». Dua parto de l'libro : « Noveloj », entenas, kun sia varia enhavo pli da eseoj, eĉ filozofaj, ol, da veraj rakontoj. Inter tiuj : « Vintro », per terura trafa vizio elvokas la mizeron kaj kadukiĝon ĝis angora sento : « Tiam sekvis la dentklaka nuptonokto de la ventfantomo ». La stilo mirinde fleksebla de l'aŭtoro, simple sed lerte esprimas ĉiujn emociojn, kaj la tuta libro meritas ĉiajn rekomendojn. Kredeble la du poemoj, komenca kaj fina, servas kiel pruvo, ke por malsimili la klaran prozon, poezio, esence estas enigmaĵo. Ni ne forgesu la titolbildojn por ĉiu teksto, plaĉaj modernstilaj lignogravuraĵoj, kiuj plibeligas la volumon.

En : *De paĝo al paĝo*, S-ro L. Totsche kolektis « literaturajn profilojn », tio estas studojn pri libroj aŭ aŭtoroj. Detale kritiki la libron estus fari recenzon de recenzaro, kaj devigus al laŭdo de laŭdaro. Tre bona stilo, multidea enhavo en tiuj sinsekvaj artikoloj, parte aperintaj en Literatura Mondo ; ili atingas sian celon, tio estas, ke ili dezirigas onin legi la studatajn verkojn. La aŭtoro estas tiel divenema, ke li




certe trovis en verkoj eĉ tion pri kio la verkinto mem ne suspektis. Pri ĉio dirita, ni ne ĉiam konsentas, ĉar pri literaturaĵoj, gustoj malsamas ; kiom da kapoj, tiom da opinioj. Tro da graveco estas atribuita al kelkaj verkoj ; estas komparoj : Baghy kun Hugo, aŭ Schwartz kun A. France, ne taŭgaj. Male, Kalocsay certe trovis en tiu komentaristo iun, kiu plene komprenis kaj interpretis lin. Tre leginda libro, en kiu la dialoga formo foje permesas enmeti kontraŭajn ideojn aŭ amuzajn incitaĵojn :

« Karlo : Kutime mi legas nur la artikolojn de mi mem verkitajn.

« Ludoviko : Sufiĉe disvastiĝinta kutimo ĉe esperantistaj verkistoj. »

Ne originalaĵo estas la tria libro : *Gœthe. Romaj elegioj. La Taglibro,* sed traduko de K. Kalocsay, publikigita por la jubilea jaro de l'granda eŭropano, kaj ornamita per artbildoj speciale desegnitaj. Ĉeftemo de l'du kolektoj estas amo, kaj formo, tiu de lirikaj poemoj. La tradukinto de « Eterna Bukedo » sufiĉe konigis sian mirindan lertecon en poemtradukado por ke novaj gratuloj ne neprus. Ĉi tie li ankaŭ submetiĝis al « formfidela » traduko kaj helpis la leganton per konciza antaŭparolo kaj postaj klarigoj. Li tiel liveris al tiu, kiu ne povas legi la originalaĵojn la plej precizan konon pri tiuj poemoj. Tamen, malgraŭ tiuj nedubeblaj fideleco kaj korekteco, mi daŭre pli ĝuas legante bonajn esperantajn netradukitajn versojn ol tiajn, ĉiam iom malpli fluajn, rekreaĵojn, kvazaŭ mi preferas sukan piron aŭ fragon al kun peno senŝeligota nukso aŭ migdalo. Jen specimenero el unu « Elegio » kaj unu el la okversaĵoj de « Taglibro » :

« *En la heroa epok' kiam amis diinoj kaj dioj,*
*sekvis rigardon dezir', sekvis deziron plezur'.*

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

*Hero en festa brueg' ekvidis Leandron kaj jetis*
*Arde sin tuj la amant' al la noktnigra ondar'.*
*Rea Silvia, virgin' reĝidina, aliris, por ĉerpi*
*Akvon al bord' de Tiber, kaj ŝin ekkaptis la di'.*
*Tiel generis la filojn Mars' ! La gemelojn lupino*
*Nutris per mamo, kaj Rom' iĝis reĝino de l'mond'.*»

« *De l'Kara, kiel ofte, por akcelo*
*De mond-aferoj, longe mi foriris,*
*Sed venis al la kap' nur ŝia belo,*
*Kiom ajn mi lernadis kaj akiris.*
*Kaj, kiel nokte stelas sin ĉielo,*
*La fora am' memorfajrere brilis:*
*Sub plumo iĝis ĉiu tag-okazo*
*Komparo pri ŝi en dolĉvorta frazo.* »

En *La Submarinistoj,* de Movikov-Priboj, ni ekkonas la vivon en submarŝipoj ; la detaloj en tiu romaneto estas despli trafaj, ke la aŭtoro estis ŝipano, partoprenis la Rus-Japanan militon kaj la faman marbatalon en Ĉu-ŝima. La traduko enhavas tro multe da pres- aŭ lingveraroj kaj da stilaj malglataĵoj. Tamen la verko havas specialan allogon kaj potencon ; ĝi diras krude la vivon en havenoj, sur maro, en la submaraj ŝipoj ; la ĉapitroj pri batalpafado, pri maŝin-akcidento, pri la ŝtormoj, la saviĝo tra torpedtuboj, la ŝercoj de ŝipanoj en plej terura mortdanĝero, la vizitoj de l'admiralo aŭ de l'caro, estas majstre verkitaj, vive, forte ankaŭ ironie. Bonaj priskriboj kaj originalaj komparoj ofte estas trovataj :

« *Kaj ŝajnas jam, ke ĝi ne estas luno, sed arĝenta ungo, kiun dio fortondis de sia granda piedfingro.*

« *De la okcidenta flanko kaj super la horizonto pendas diverskoloraj nuboj, similaj al hazardaj pentroj de larĝa peniko, kvazaŭ iu pentristo provis siajn farbojn sur blueruĝeta tolo.... Kaj la maro ankoraŭ sopiras, kaj la ŝancelemaj ondoj kantas kantojn nekonate por kiu. Per la feraj laringoj kriegas la ŝipoj. Ilia satanigita kriego malkudras la vesperan vaston, kiel tajloro la ŝtofon.* »

« *La akvoj disiĝas, kuniĝas, grimacas, montras al la ĉielo ŝaŭmajn langojn. Super la kapo, en la ne atingeblaj altaĵoj, ekpetolegis ebria diboĉularo: ĝi disŝiras feron, ĵetas for de ĝiaj montoj milpudajn barelojn. La buliĝantajn nubegojn batas flamaj skurĝoj. Iu bruligas artfajraĵon. La tuta vasto estas plenigita de la sonoj: tie ĉi estas liturgio, tie ĉi estas ridego, sonorado de batalŝirmiloj, klarnetludo, blekego de pluvtuboj, murmureto de leonaroj. En interno de la submarino frapfunkcias kvincent ĉevalfortoj.* »

En dua eldono, ĝi meritas ĝin, la libro, korektita la restintaj difektetoj, farigos unu el la plej impresaj, plej ŝatindaj.

Jam ofte novaj kolektoj naskiĝis ; multaj en junaĝo mortis. Ni deziras longan vivon al du novaj : *Esperantlingva Novelbiblioteko,* redaktita de Leono Vienano, kaj : *Dek Cenda Serio,* kies redaktanto estas A. Kenngott. El ambaŭ ni havas la tri unuajn numerojn.

Tiuj de la unue citita kolekto estas : *Eksiĝo,* kortuŝa rakonto, traduko el hebrea lingvo, pri simplulo, kiu iluzias kaj ne kapablas altiri la sopiratan amon ; tiu noveleto havas apartan guston kaj estas tre bonstila ; nur mankas noteto pri la aŭtoro ; numero 2 havas du rakontojn de B. Prus : *La Vizio. La Veŝto,* tradukoj el pola lingvo de F-ino Lidja Zamenhof, ambaŭ elvokantaj sentimentalan emocion ; kaj en numero 3 estas ankaŭ du rakontoj : *La mistero. Unu horo,* el rusa lingvo tradukitaj, kie la psikologia karaktero de l'personoj estas lerte observita kaj analizita. Tiel, ĝis nun, la redaktanto plenumis sian promeson : havigi al leganto novelojn interesajn, facilajn, internaciajn kaj verkitajn en flua, korekta, Zamenhofa stilo.

La plaĉaj libretoj de l'Dek Cenda Serio estas : N-ro 1 : *La Fantoma edzino,* kun du aliaj rakontoj, vere interese strangaj, legataj kun streĉa atento, originalaĵoj de Eduard S. Payson, jam konata per aliaj valoraj verkoj kaj tradukoj ; N-ro 2 : *Rûbezahl,* versa traduko de poemo-legendo pri giganto en Riesengebirge, kun facilaj graciaj saltetantaj verskvaroj laŭ tiu ritmo :

« *Proksimila, giganteca,*
*Staras sur altaĵ' palaco.*
*Rûbezahl ĝin konstruigis*
*Kvazaŭ al ĉiel' minaco.*

*Flavoniksa altportalo*
*Gvidas en lumplenan halon,*
*Kie blankaj stalaktitoj*
*Kreis sorĉan katedralon.* »

N-ro 3 : *Usono,* de A. Kenngott, celas informi, per memspertitaj okazaĵoj, pri la vivo en Usono, pri la karaktero de l'loĝantoj, iliaj vivkondiĉoj, moroj, en tre viva interesa maniero. La sekvon promesitan certe atendos la legintoj.

Fine, alidevena broŝuro : *Tri rakontoj,* estas sprite ŝercaj skizoj eltiritaj el la vojaĝadimpresoj de Alexandre Dumas, la konata franca romanverkisto. La ĝenerale bona traduko de E. Deligny, iom malcerta pri la esperantigo de propraj nomoj, estas kun bonkora rido legata.

Jam diversaj presaĵoj konigis Bahaismon. Jen : *Parizaj paroladoj de Abdul Baha,* ree klarigas la principojn de tiu etiko, plej fidele, ĉar la filo de l'profeto mem parolis pri ĝi en Parizo dum vintro 1912-13. Tiuj admonoj, diritaj perslingve, tiuj tradukitaj france por la aŭdantaro, estis poste angle eldonitaj kaj nun esperantigitaj de F-ino Lidja Zamenhof. Ili unue traktas diversajn punktojn de movado celanta kunigon de religioj en unu komuna kredaro, poste pli sisteme komentas la 11 ĉefregulojn de la instruo de Baha'u'llah, inter ili : akordo inter eklezioj, rekono de iliaj profetoj kiel diaj senditoj, egaligo de l'ekonomiaj situacioj, tutmonda paco, internacia lingvo, egaleco de l'seksoj. En speciala ĉapitro la parolinto juste taksas la gravan rolon de helplingvo, sed opinias ke Esperanto bezonas plibonigon, ĉar tro malfacila por kelkaj. Ne bezone akcenti pri la klara stilo de l'traduko.

*La konfliktoj en Manĉurio kaj Ŝanhajo,* nuntempa problemo, estas prezentataj laŭ Japana vidpunkto, kiel necesega

agado en lando, kie endanĝeriĝas homoj, kaj kapitaloj celantaj ĝian evoluigon. En dua parto, kaj ankaŭ per bildoj, oni konigas la agadon de U.H.A. (Universala Homama Asocio) por helpi la viktimojn, por unuigi diversajn kredojn. Kiel distraĵo, ni ĉerpu, por kredantoj al turntabloj aŭ al aŭtomata skribo, novan rimedon por paroligi la spiritojn :

« Du personoj fermante la okulojn tenas en la mano ambaŭflanke unu bastonon, unu metron longan, ĉe kies centro estas kunligita ankoraŭ unu bastoneto, 10 cm. longa : ĝia formo similas al litero : T. Inter ili oni metas sablujon, unu kvadratmetran. Tiam dispirito malsuprenvenas al la bastono, ĝi ekmoviĝas tute aŭtomate, al kio, kompreneble, aliĝas neniom da volo de la bastontenantoj. Tial ili malforte tenas la bastonon. Kaj sur la sablo skribiĝas literoj unu post unu kun rapideco de ĉ. ducent literoj po horo. Apud ili staras leganto, kiun aŭskultante alia transskribas sur papero. Tiamaniere estiĝas la orakolo. Vidante la rimedon, oni certe konvinkiĝas pri la ekzisto de Dispirito kaj de spiritaj fenomenoj. »

Kaj jen serio da broŝuroj, pli malpli ampleksaj, eldonitaj de « Ekrelo », kiuj per literaturaĵoj aŭ raportoj informas pri bolŝevismo aŭ pri stato en U.R.R.S.

*Pri realigo de la unua kvinjarplano*, konsistas el paroladoj pri la energia klopodado de l'sovetaj laboristoj al plibonigo de l'landa ekonomio. Ili volas pruvi, per ciferoj kaj statistikoj ke la plano estos efektivigita preskaŭ plene post kvar jaroj. La komparo kun la kriza situacio en kapitalistaj ŝtatoj estas reliefigita. Interese estas legi, ke nun la gvidantoj luktas kontraŭ la individua senrespondeco rilate al maŝinoj, kontraŭ la nivelado de laborpago, kontraŭ salajrado laŭ kvanto, por tiu laŭ kvalito. Oni proklamas la fiaskon de la konferenco por senarmigo kaj respondas al verko de Kaŭtski: « Bolŝevismo en senelira situacio ». Bona stilo kun novaj teknikaj vortoj.

*Barikadoj en Vieno*, kaj aliaj rakontoj, pentras revoluciajn epizodojn, kun iliaj krudaĵoj, kaj terurajoj, kun ilia entuziasmo kaj sinofero. La rakonto : « Ribelo en Majo » estas aparte impresa. Taŭga vigla stilo.

*Ruĝa aŭroro*, enhavas poemojn de M. Ljubin, kun antaŭparolo de Nekrasov, en dua eldono. Proleta poezio, plensenca, klara, korekte verkita, kompreneble tre tendenca. La poemoj, eĉ kun 15-16 aŭ 17-18 silabaj versoj, estas energiaj kaj tamen harmoniaj. Jen ekzemple la komenco de poemeto :

« *Al mia krajono.*
*Dezirus mi priskribi la turmenton*
*de la proleta klaso subpremata —*
*ĝi kiel vivas pala, sentegmenta,*
*kaj kiel mortas ĝi — senĝoja kaj malsata,*

*Rakonti pri l'teruro, pri l'senfunda*
*mizero de l'malriĉa randkvartalo.*
*Per fingro tuŝi la sangantan vundon*
*el kiu lekas sangon — kapitalo,*

*Rakonti pri l'turmentoj de l'infanoj*
*de l'laboristoj, kiuj ĉion kreas,*
*sed mem nenion havas en la manoj,*
*sed mem obeas, veas kaj — pereas.* »

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

*La maja festo*, kolektas rakontaron de J. Flamo; ne senriproĉa estas la lingvo, sed varma la entuziasmo por la ruĝa fronto. Plej arta estas, el la kvin historietoj : « La viktimo », terura konfeso de drinkulo, mortiginto, vere naŭziga, tamen kun ĝenerale homa verŝajneco kaj intereso.

La *Parolado dum la Ĝeneva konferenco pri « Senarmigo »*, dirita la 12an de Februaro 1932 de M. Litvinov, estas valora dokumento, lerte verkita. Eĉ kontraŭuloj al Sovieto kaj pacifismo trovos en ĝi pripensindan argumenton.

Germanlingvaj esperantistoj nun posedas detalan riĉenhavan gramatikon : *Ausführliche Sprachlehre des Esperanto*, de Prof. D-ro Göhl. Ĝi respondas ĉiujn demandojn, kiujn kleriĝema samideano povas turni al si, liveras kvanton da bonaj ekzemploj kun ilia traduko ; kaj la bone ordigita materialo, la detala enhavtabelo faciligas la serĉadon. Ĉiuj ĝis nun eldonitaj plenaj gramatikoj estis utiligataj kaj dum 15 jaroj la aŭtoro perfektigis sian verkon ; li malfeliĉe mortis finpretiginte la manuskripton kaj ĝin ne vidis presita. La provizo da informoj pri dubigaj aŭ delikataj punktoj estas neelĉerpebla kaj alilingvanoj envios tiun riĉan fonton. Legu ekzemple la ĉapitrojn pri « si », pri « sia », pri la prepozicioj kaj adverboj, ĉu esperantaj ĉu germanaj, pri traduko de germanismoj, pri lernado kaj stilo. Nur spertulo pri germana lingvo povus taŭge kritiki la enhavon ; mi nur esprimas la deziron, se nova eldono fariĝos necesa, ke pli taŭga interpunkcio, aŭ prefere uzo de diversaj litertipoj, por reguloj, por ekzemploj esperantaj, por iliaj tradukoj, malgraŭ kredebla plikostigo, plifaciligu tujan legadon.

La *Unua Legolibro*, eldono de SAT, kolektis prozaĵetojn aperintajn en « La Lernanto » ; ordigitaj, ilustritaj, tiuj mallongaj amuzaĵoj, anekdotoj, spritaĵoj, priskriboj aŭ instruaĵoj formas tre allogan varian legolibron ; la tekstoj kun porproleta aŭ kontraŭreligia enhavo ne tro abundas. La lingvaj kaj gramatikaj klarigoj post ĉiu teksto estas tre taŭga helpilo.

La kvina eldono de jam konata kursa lernolibro por laboristoj, *Petro*, kompletiĝis per preparaj lecionoj, bildoj, ekzercaro kaj vortlisto post ĉiu ĉapitro de l'historio-romaneto kaj per fina vortareto. Tiel, zorge ordigita, ĝi speciale taŭgas por kombinita metodo, tio estas duone rekta kaj duone gramatika. Ĝi vere enhavas leg- kaj instrumaterialon sufiĉan por plena ellernado.

*Az Eszperanto' Nyelv, La simpla esperanto*, estas deksesleciona lernolibro de D-ro Ferenc Szilagyi por Hungaroj, kiu utiligas ĉefe historietojn, demandojn kaj respondojn, parolekzercojn ; ilin akompanas taŭgaj simplaj bildetoj kaj la tutan inspiris sentebla bonhumoro tre plaĉa ; vi nur legu la ŝercan laŭbiblian teksteton pri Adamo kaj Evo, tiu pri la muta edzino, aŭ pri la amonto kiu fariĝas amanto, sed ankoraŭ pli rapide atingas la staton de aminto. Do, bona unua lernolibro en mano de lerta gvidanto. Sed oni ja atendu la oficialigon de « end » antaŭ ol ĝin enmeti en instruilon.

Fine *Eszperanto kulcs* estas nova eldono de l'hungara ŝlosilo kun la kutima enhavo de tiuj utilaj vortaretoj.

La *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado 1932, 20a jaro*, aperis iom pli malfrue ol kutime, pro rekompostigo kaj nova aranĝo. La tabeloj pri naciaj societoj, pri gazetoj, pri fakaj organizoj fariĝis pli praktikaj kaj la Adresaro de l'Delegitoj, kompreneble la plej ampleksa parto, estas nun pli facile traserĉebla pro la enmarĝenigo de la landnomoj. Se unufoje forestas enciklopedia parto, la 1932-a Jarlibro restas impona eldonaĵo, plej utila helpilo por agema samideano, pruvo pri nepra neceso de UEA ekzistado, kaj por ties membroj valora kompenso de ilia kotizo.

Malfacilaĵoj nunepokaj devigis UEA 'n klarigi pli frue kaj pli detale sian staton ol per la kutima resumo en Oficiala Dokumentaro. Tial la *Raporto pri la agado de UEA dum la jaro* 1931, aperis en aparta libreto, antaŭ la Pariza kongreso. Ĝi taŭge montras la efikon de la krizo, la financan situacion, la diversajn servojn kaj aldonas interesajn diagramojn kaj statistikojn. Tiel kompleta, tiu raporto permesas plenan rigardon sur la tasko de l'Asocio, sur la laboro de ĝia estraro kaj kunlaborantaro. Ĝi ankaŭ estas varma alvoko por fidela efika subteno de la plej firma kolono en nia konstruaĵo.

La *Jarlibro* 1932 *de S.A.T.* suferis pro la krizo, kiu malmultigis la anaron, maldikigis la libron, devigis al ŝparoj. La enhavo estas la sama : statutoj, regularoj, kaj ĉefe adresaro laŭloka de la membroj kun tabelo laŭlanda.

Ree aperis la *Esperanto-Adresaro* 1932-33 de Sudokcidentgermana Esperanto-Ligo, kun parto por Suda Ligo, laborunuiĝo de esperantistoj en sudokcidenta Germanujo.

La *B.E.S.a Adresaro*, ĉefe por korespond- aŭ interŝanĝemuloj, festas sian dekan jaron per jubilea eldono en iom pli granda formato kun aldono de historio pri tiu neoficiala sed utila adreslisto.

*Qué es el Esperanto* ? broŝureto de J. Mangada Rosenőrn, eldonita de Hispana Esperanto-Asocio, informas pri nuna stato de nia movado, donas citaĵojn de eminentuloj pri ĝi, kaj la elementojn de la gramatiko. Propagandilo uzota en Hispanujo kaj en hispano-amerikaj ŝtatoj.

*Magyar Eszperanto Evkőnyv*, 3a jaro, 1932, estas hungarlingva jarlibro ; ĝia unua parto havas artikolojn pri Esperanto kaj hungara lingvo, pri stenografio, jubileo en Debrecen, katolika esperanta movado, nia lingvo en ruslandaj militkaptitejoj, novaj eldonaĵoj ; kiel dua parto, estas aldonata « La simpla esperanto », la dekseslecionа lernolibro jam antaŭe citita.

Sub titolo : 1932 *ars Supplement till 1931 ars Jubileums matrikel*, Sveda Esperanta Federacio prezentas svedlingvajn artikolojn de Stellan Engholm pri historio, utilo, organizo, lastaj progresoj de nia movado, kaj de E. Malmgren pri Esperanto en Svedujo. La cetero de l'broŝuro estas nomaro de landaj organizaĵoj kaj membraro laŭurba kaj alfabeta.

15a Septembro 1932.

G. S.

# Elegantulino

De Karl Spitteler.

*Grandurba, moda virineto*
*Al kiu mankis sprit-kvieto*
*Pretendis havi nervdolorojn.*
*Al Cannes ŝi iris dum aŭtuno,*
*Somere al Zermatt aŭ Thuno,*
*Enuigante la doktorojn.*

*Jen skribo oficiala venis,*
*La virineto preskaŭ svenis,*
*Pri Mark ŝi legis, kaj pri Frankoj,*
*Pri ĉefkasisto forkurinta*
*Al ŝi nenion postlasinta*
*Ol etan havon ĉe la bankoj.*

*Oh ve ! la bela nervmalsano,*
*La bona manĝo, dolĉa bano.*
*Por forvojaĝo alvestita*
*Ŝi metas havon kaj ĉemizon*
*En la restantan korbvalizon ;*
*La dua estas arestita.*

*Kaj nun, uzante siajn konojn,*
*Ŝi donas lingvajn lecionojn,*
*Klopodas kaj sin movas.*
*Venintaj hejmen de la kuroj*
*Lacegaj estas ŝiaj kruroj,*
*Ripozon ŝi nun trovas.*

Trad. Ed. STETTLER.

## BIBLIOGRAFIA SERVO DE UEA

# Novaj libroj 1932

*** — *Gvidlibreto tra Kortrijk.* — Eldonis : Esperantista Grupo Kortrijk. 20 p. 13,5 × 15,7 cm. (1932-72).

W. Oishi. — *Tokyo kaj Tateno sub la Klimatologia Vidpunkto.* — Central Meteorological Observatory, Tokyo. 7 p. 19 × 26. (1932-73).

*** — *Gvidlibro tra la universitaturbo Tartu.* — Akademia Kooperativo, Tartu. 27 p. 11,5 × 18 cm. (1932-74).

S. Rublev. — *Proletarsky Kurs po Esperanto* (Proleta Esperanto-Kurso). Centra Komitato de LEA Bulgara, Sofia. 64 p. 18 × 25,5 cm. Prezo : 20 leva. (1932-75).

*** — *Todo el Esperanto por 15 Centimos* (Hispana ŝlosilo de Esperanto). — Iberia Esperanto-Servo, Barcelona. 24 p. 8,5 × 12,5. (1932-76).

J. Most. — *La Dia Pesto.* — Tradukis Seman Rarano. Eldonis D-ro Tobias Sigel, Detroit (Usono). 23 p. 8,5 × 15 cm. (1932-77).

J. Krishnamurti. — *Sperto kaj Konduto.* — Tradukis Petro Stoyan. Internacia Biokosma Asocio, Solliès-Pont, Var. 22 p. 12 × 19,5. (1932-78).

P. Flageul. — *Lernolibro de Esperanto-Stenografio* (laŭ sistemo Duployé). — 4-a eldono. Eldonejo de Esperanta Stenografio, Issy-les-Moulineaux, 16 p. 13,5 × 21. Prezo : Franca Fr. 1,50. (1932-79).

L. Biro. — *Fraŭlino Ida* } Redaktis Leono Vienano.
K. Porzsolt. — *La Vojo malsupren* } Tradukis L. Rereips. Eldonis N. Szapiro, Warszawa. 25 p. + 6 p. 13,5 × 18,5. Prezo : Sv. Fr. 0.45. (1932-80).

A. Azevedo. — *Amo per Proverboj* (Amor por Anexins). — Tradukis A. Couto Fernandez. 2-a eldono. Presejo Irmaos Pongetti, Rio de Janeiro. (1932-81). Prezo : Sv. Fr. 0.50. 23 p. 12 × 18 cm.

Stellan Engholm. — *Homoj sur la Tero* (Romano). — Literatura Mondo, Budapest. 201 p. 13 × 19,5 cm. Prezo : Dol. 1.— bindita. Dol. 0.70 broŝurita. (1932-82).

*** — *Qué es el Esperanto* ? — Asociacion Esperantista Española, Madrid. 16 p. + 32 p. 10 × 14 cm. Prezo : Pesetas 0.30 (1932-83).

K. Kalocsay kaj G. Waringhien. — *Kiel fariĝi Poeto aŭ Parnasa Gvidlibro.* — Literatura Mondo, Budapest. 175 p. 13 × 19,5 cm. Prezo : Dolaro 1.— bindita. Dolaro 0.70 broŝurita. (1932-84).

*** — « *Flirto Esperanta* ». — Prilaboris Edz-Peranto. N. Szapiro, Warszawa. Ludo kun 20 kartoj. 8 × 12,5 cm. Prezo : Sv. Fr. 0.50. (1932-85).

*** — *Araba ŝlosilo de Esperanto* (laŭ la normo de I.C.K., Genève). Eldonis Fahim Harfouche, Port-Said. 72 p. 8 × 11,5 cm. (1932-86).

Unuel. — *De Internationale Taal, Het Vraagstuk en zijn Oplossing.* Tradukis el Fundamenta Krestomatio : De Schutter. Belga Esperanto-Instituto, Anvers. 37 p. 13 × 25 cm. Prezo : Belg. Fr. 5. —. (1932-87).

Unuel. — *La Langue Internationale, Le Problème et sa Solution.* — Tradukis el Fundamenta Krestomatio : M. Jaumotte. Belga Esperanto-Instituto, Anvers. 37 p. 13 × 25 cm. Prezo : Belg. Fr. 5.—. (1932-88).

P. Danov. — *La Tri Fundamentoj de la Vivo.* — Eldonejo Nova Kulturo, Burgas. 72 p. 12,5 × 20 cm. Prezo : Sv. Fr. 1.—. (1932-89).

D-ro Briquet. — *Esperanta Teknika Medicina Vortaro.* — Internacia Medicina Revuo, Bruxelles. 360 p. 11 × 16 cm. Prezo : Belg. Fr. 72.—. Dolaroj 2.—. (1932-90).

E. Drezen. — *Problema Mejdunarodnogo Jazika* (Problemo de Internacia Lingvo). Ruse kaj esperante. Centra Komitato de SEU, Moskvo. 64 p. 12 × 16,5 cm. Prezo : Gmk. 0.50. (1932-91).

*** — *Minnesskrift.* — Esperantorőrelsens i Gefle 25-ars jubileum. Eldonis Esperantoforeningen i Gefle. 20 p. 16 × 23 cm. (1932-92).

*** — *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado* 1932. — Universala Esperanto Asocio, Genève. 319 p. 11,5 × 16 cm. Prezo : Sv. Fr. 5.—. (1932-93).

Okamoto-Rikici. — *Evangelio de Homar-Kompletigo.* — Belisma Koopera Kulturejo. 44 p. 13 × 19 cm. Prezo : Jen 0,25. (1932-94).

# Socio kaj lingvo

## Lingva atlaso.

La moderna lingvo-scienco dediĉis grandan atenton al la esploro de la dialektoj. Ili plej ofte konservas trajtojn de idiomo, ne troveblajn en la oficiala lerneja parolaĵo. Helpilo ne ordinara, ja interesa en tiu ĉi esplorado estas la *lingvo-geografio*, prezentante la rezultojn de la esplorado ne en enuigaj vortaroj dikegaj, sed en maniero de *atlaso*. Pasis nun dudek jaroj post apero de la unua tia atlaso, nome la franca kaj aperos baldaŭ la unuaj folioj de la germana, post ne malpli ol 55 jara prepara laboro. Sekvas ankaŭ tia pri la itala lingvo.

La celo de tia lingva atlaso estas fiksi la variecon de la dialektoj same valoraj al la lingva esploro kiel la skriba lingvo. La rezultoj de la laboro estas notita sur kartoj kaj la tuto permesas ordigi la trezorojn kaj konstati la interligilojn.

La franca atlaso, modelo por la sekvantaj, konsistas el 1900 mutaj kartoj de Francujo, kartoj kiuj ne enhavas riverojn, urbojn kaj montarojn sed nur la landlimojn. Ĉiu karto (aŭ folio) enhavas reton de 650 numeroj korespondaj al 650 komunumoj de Francujo, kie estis kolektitaj la vortmaterialo. Kiel gvida titolo ĉiu karto portas vorton, esprimon de la taga vivo, ĝenerale konatan objekton. Tiu ĉi titolo estas notita en la oficiala lingvo kaj apud ĉiu numero de la nombro-reto de unu karto troviĝas la dialekta ekvivalento de la koncerna vorto.

Eldonis tiun atlason du lingvistoj, Gilliéron kaj Edmont. La unua prilaboris la sciencan la dua la praktikan parton. Gilliéron estas sviso kaj en Svislando la intereso pri la dialektoj estas tre granda. Dum multaj migradoj, Gilliéron spertiĝis en la materio kaj kiel profesoro de dialekta lingvo-esploro en Parizo li povis efektivigi sian planon. Li starigis la programon, tre detalan kaj komplikan, kiu apud demandoj ne nur vortaraj, ankaŭ atentas pri akcento kaj sintakso. La taskon, fiksi la respondojn je la demandoj en la 650 komunumoj de Francujo, konfidis Gilliéron al Edmont, juna komercisto, bonhava, entuziasma pri tiu speco de lingva esploro. Edmont posedis ĉiujn ecojn por tiu malfacila laboro kaj dum 4 jaroj de 1896 ĝis 1900, Edmont tramigris tutan franclingvan teritorion kaj esplordemandis. Li notis zorge laŭ simpla fonetika transskribo la indikojn de la demanditaj personoj kaj sendis la materialon al Gilliéron kiu finfaris la tuton.

Du svisaj filologoj, Karl Jaberg kaj Jakob Jud, entreprenis nun la samon por *Italujo*, kaj la svisaj kantonoj Tiĉino kaj Grizono. Post kelkjara prepara laboro, ili sendis tri esplorantojn kun la tasko kolekti la vortmaterialon (1920-1927). Unu tramigris la svisajn regionojn, norda kaj meza Italujo, la dua Suda Italujo kaj la tria Sardenion. La idiomo parolata en Sardenio estas tiom malproksima de l'itala, ke ĝi prezentas apartan romanan lingvon. Precizaj protokoloj kaj raportoj informas pri la deveno de tiu ĉi atlaso, la financajn malhelpojn, la esplorvojaĝojn kaj la multajn problemojn venkotajn.

Tiuj migradoj postulis multon de la esplorantoj, ĉar estis fiksita, ke la esploroj etendiĝu precipe al lokoj flankaj de la grandaj linioj aŭ stratoj, kiuj sekve ankaŭ estas flankestarantaj la grandan riveron de la oficiala lingvo aŭ eĉ al la influo de la pli grandaj regionaj aŭ urbaj paroliloj. Tamen la verkintoj ne limigis la esploron je malgrandaj lokoj. La sperto devigis labori ankaŭ en alia direkto. Vidiĝis ekzemple ke ofte vilaĝoj perditaj kaj malfacile atingeblaj, ne ĉiam estas lingve la plej konservativaj. Urbaj centroj ofte pli bone konservis malnovan dialekton ol malgrandaj aŭ kamparaj komunumoj.

Prilaboris G. AGRICOLA.

# Lingvaj studoj

## Ofteco de vortoj.

Certe la leganto jam aŭdis pri kalkuloj de vortoj uzitaj en tiu aŭ alia libro de fama verkisto. La oftec-kalkulo havas ankaŭ tre praktikan valoron ekzemple ĉe la stenografio. Interesan provon de tia statistiko entreprenis S-ro Fenton Stancliff, en Akron (Ohio) Usono, pri la verko de D-ro Edmond Privat *Historio de la lingvo Esperanto*. La tuta verko entenas proksimume 61.000 vortojn. S-ro Stancliff kalkulis la nombron de prepozicioj, prefiksoj kaj sufiksoj kaj atingis jenan tabelon :

| Prepozicioj | | Prefiksoj | | Sufiksoj | |
|---|---|---|---|---|---|
| inter | 218 | mal | 264 | iĝ | 425 |
| kun | 147 | dis | 105 | ist | 402 |
| al | 96 | re | 63 | it | 402 |
| el | 81 | ek | 32 | ig | 392 |
| post | 72 | ge | 17 | ad | 335 |
| en | 69 | eks | 6 | ar | 241 |
| antaŭ | 56 | mis | 1 | ec | 220 |
| sen | 56 | pra | 1 | ej | 133 |
| sub | 52 | bo | 0 | aĵ | 120 |
| ekster | 46 | fi | 0 | ebl | 112 |
| for | 37 | | | an | 97 |
| de | 36 | | | ul | 88 |
| kontraŭ | 25 | | | em | 68 |
| pri | 22 | | | il | 46 |
| laŭ | 18 | | | ism | 43 |
| trans | 13 | | | uj | 43 |
| ĉe | 9 | | | in | 41 |
| super | 9 | | | ind | 41 |
| tra | 8 | | | eg | 33 |
| ĝis | 7 | | | et | 17 |
| ĉirkaŭ | 6 | | | estr | 13 |
| anstataŭ | 4 | | | um | 12 |
| dum | 4 | | | on | 8 |
| preter | 4 | | | obl | 7 |
| sur | 4 | | | aĉ | 3 |
| por | 2 | | | id | 3 |
| per | 2 | | | end | 2 |
| krom | 1 | | | ĉj | 1 |
| apud | 0 | | | er | 1 |
| da | 0 | | | ing | 1 |
| je | 0 | | | iv | 1 |
| malgraŭ | 0 | | | nj | 1 |
| po | 0 | | | op | 0 |
| pro | 0 | | | | |

Komparo.

En Esperanto ekzistas :

34 prepozicioj kaj en sia verko D-ro Privat uzis 28 el ili,
10 oficialaj prefiksoj 8 el ili,
33 oficialaj sufiksoj 32 el ili.

## Konsilo al Tradukantoj

Ĉiu studanto de Esperanto frue sentas la deziron traduki el sia nacia lingvo en Esperanton. Tiu deziro estas stimulinda, ĉar preskaŭ neniel oni povas pli bone ellerni Esperanton. Tamen, ni memoru, ke estas multe pli facile esprimi siajn proprajn pensojn ol traduki la pensojn de alia.

Lerta tradukisto devas esti iomgrade geniulo. Li devas ne nur bonege posedi la du lingvojn koncernatajn (Esperanto kaj la nacia lingvo), sed se li volas servi kiel plej efika tradukisto li devas havi pli ol suprajan scion de multaj diversaj aferoj : ekzemple, literaturo, historio, komerco, la sciencoj, mitologio, folkloro, politiko, k.t.p. Se lia scio ne estas vasta kaj diversa, li sendube faros multajn erarojn, kiam li klopodas traduki de unu lingvo en alian.

Mi pensas nun pri certa traduko de la angla libro « Mother Goose » en Esperanton. Kiamaniere oni devus, ekzemple, traduki la nomon « Mother Goose » ? Tre facila afero, ŝajnas. Ni Esperantistoj, kiuj parolas la anglan lingvon ĉiuj ja scias, ke la Esperanta vorto por *mother* estas *patrino*, kaj *goose* en Esperanto estas *anserino*. Tial la nomo *Mother Goose* en Esperanto fariĝas *Patrino Anserino*. Simpla afero sendube, kiam oni pensas nur laŭlingve. Sed ni fosu iomete sub la surfacon kaj vidu ĉu eble aliaj problemoj enestas.

Li historietoj en « Mother Goose » estas tre antikvaj. Ilin oni kantis en Nord-Eŭropaj landoj dum centjaroj kaj preskaŭ ĉiuj estas el Teŭtona deveno. Ili estis enkondukitaj en Usonon de Elizabeth Foster, kiu en 1692, en la aĝo de 27, edziniĝis kun vidvo nomata Isaac Vergoose, el Bostono. Ili havis infanojn kaj pli poste ankaŭ sep genepojn. Ĉi tiuj lastaj ofte venis al la domo de Vergoose por aŭskulti al la strangaj rakontoj de Sinjorino Vergoose. La infanoj neniam nomis ŝin Missis Vergoose (S-ino Vergoose), sed ĉiam Mother Goose (Patrino Goose).

Nu, havante tiun historian informon, ĉu oni rajtas traduki la vorton Goose ? Tute ne ; ĝi estas propra nomo, ne la nomo de birdo.

Mi havas amikon kies nomo estas Wood, alia amiko estas nomata Boyes, tria nomiĝas Robinson, ankoraŭ alia havas la nomon Applegate. Ĉiuj kvar estas Esperantistoj. Nu, kiam mi ŝerce parolas kun ili la nomo Wood fariĝas en Esperanto Ligno ; Boyes estas Knaboj ; Robinson, Rubekolfilo ; Applegate, Pompordego. Ridindaj esperantaĵoj, sed ŝerce akceptindaj. Tamen, kiam mi parolas serioze kun ili estus insulto ŝangi la nomojn Wood, Boyes, Robinson, Applegate, en la nomojn Ligno, Knaboj, Rubekolfilo, Pompordego.

Laŭ tiu ideo, kiamaniere oni devus plej bone traduki la nomon « Mother Goose » ? Simple « Patrino Goose », uzante la nacian ortografion por la vorto Goose.

Iom simila al la supra penso estas alia, kiu ilustras la neceson traduki ideojn anstataŭ izolitajn vortojn. En Sveda romano mi trovas priskribon pri maljuna sinjorino, kiu ludas gravan rolon en la historio. La aŭtoro diras, ke la maljunulino havas « kretblankan hararon ». Kiamaniere oni devus traduki tiun esprimon en, ekzemple, la Anglan lingvon ?

Feliĉe okazis, ke mi povis kompari la Anglan tradukon de la aludita romano kun la originalo, kaj mi min turnis al ĝi por vidi kiamaniere la tradukinto esprimis Angle la ideon « kretblanka hararo », ĉar en la Angla lingvo oni ĉiam diras « neĝblanka », ne « kretblanka ». Mi trovis, ke la tradukinto uzis la Anglan dirmanieron, « neĝblanka hararo ».

Kaj nun la demando estas, kiamaniere oni devus esprimi tiun saman ideon Esperantlingve ? Ĉu oni devus diri « kretblanka » aŭ « neĝblanka » ? Tio dependas de internacieco. Se, en la plimulto de la lingvoj oni diras « kretblanka », tiaokaze oni ankaŭ same diru en Esperanto, sed se, aliflanke, « neĝblanka » estas pli universala, tiaokaze oni uzu tiun esprimon en Esperanto.

Tamen, dua problemo nun eniras la demandon. Oni diras, ke ĉia ajn Esperanto estas bona Esperanto se ĝi estas logika kaj laŭgramatika kaj samtempe universale komprenebla. Kaj laŭ tiu vidpunkto « kretblanka » kaj « neĝblanka » estas egale bonaj, ĉar ambaŭ estas universale komprenataj. Tial, se la originalo diras « kretblanka » ni diru « kretblanka » en Esperanto ; se la originalo diras « neĝblanka » ni diru « neĝblanka » en Esperanto, ĉar kompreneble oni devas sekvi la originalon plej fidele se tio estas ebla.

Konkludante, mi ripetu, ke traduki de nacia lingvo en Esperanton estas bonega metodo por ellerni la lingvon, kaj ĉiu studanto de Esperanto ne devus preterlasi la okazon tiamaniere lerni la lingvon. Li tamen bone pripensu ĉiun vorton, ĉiun idiotismon, ĉiun frazon, antaŭ ol li esprimas ilin en Esperanton, ĉar se li ne tion faras, liaj tradukoj tre ofte fariĝos malbonstilaj, nelogikaj, malfacile kompreneblaj, kaj eble plenaj de absurdaj naciismoj.

Lehman WENDELL,
Minneapolis, Usono.

## 25a Universala Kongreso de Esperanto

**29. Julio — KÖLN 1933 — 5. Aŭgusto**

### Esperanto — Filmo pri KOLONJO

Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado informis nin :

La Esperanto-filmo pri Kolonjo, urbo de l'25a Universala Kongreso montrita en Parizo, trovis tiom da aprobo, ke la LKK, interkonsente kun nia komitato, decidis rondirigi la filmon en Eŭropo. Ĉar la urbo fabrikigis 2 pluajn kopiojn, ĝi povos esti montrata en ĉiuj landoj.

Por la rondiro la sekvonta voj-plano estas fiksita :

*Originalfilmo.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Francujo | ĝis 31.10.32 | Rumanujo | marto |
| Hispanujo | novembro | Hungarujo | aprilo |
| Italujo | decembro | Ĉeĥoslovakio | majo-15 junio |
| Jugoslavio | januaro 1933 | Polujo | 15 junio-fino de julio. |
| Bulgarujo | februaro | | |

*Unua kopio.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Danujo | ĝis 15 novembro | Latvio | aprilo |
| Svedujo-Norvegujo | 15 novembro-31 januaro | Litovio | majo |
| Finlando | februaro | Dancigo | junio |
| Estonio | marto | Germanujo | julio |

*Dua kopio.*

| | |
|---|---|
| Svislando | novembro |
| Aŭstrio | decembro-15 januaro 1933 |
| Germanujo Bavarujo Saksujo | 15 jan.-15 februaro |
| Nederlando | 15 februaro-15 marto |
| Anglujo | 15 marto-1 majo |
| Belgujo | majo |
| Saar teritorio Germanujo | junio-julio 1933. |

*La datoj estas ne-ŝanĝeblaj.* La planon pri rondiro fiksas la Naciaj societoj en ĉiuj landoj. Ĉiuj utilaj informoj estas senditaj de la oficejo de l'ICK al ili. Interesitoj do turnu sin tuj al sia nacia societo, kiu ankaŭ informas pri la kondiĉoj kaj teknikaj detaloj. La pruntedono okazas senpage.

La LKK kaj la ICK esperas, ke ĉie oni uzos la unikan okazon prezenti esperanto-filmon. Ĝi ebligas samtempe publikan propagandon por nia lingvo.

# Moderna propagando per aeroplanoj. Imitinda ekzemplo alilande




*LA PROPAGANDO DE ESPERANTO EN ARGENTINO*

*La aviadistoj (de maldekstre) Sroj. Jozefo N. Santoianni kaj Rodolfo G. Bosch (nia samideano) pretaj leviĝi sur la urbo Buenos Aires kaj ĉirkaŭaĵoj por disĵeti propagandajn flugfoliojn pri la kurso de Esperanto per korespondado organizita de Argentina Esperanto Asocio.*

# Esperantista parolejo

## Pri organizo

Mi legis la leteron de S-ro Bünemann represita en la oktobra numero de nia *Esperanto* kaj mi povas nur konsenti kun la deduktoj de la hamburga delegito. Mi same konsentas kun la eldiroj en la tuj postaj leteroj. Oni certe ne dubas pri bona volo de la pledantoj por la neceso de reorganizo, sed alia demando estas, ĉu tia faro utilos al la E. movado.

Certe estas idealo de ĉiuj sinceraj samideanoj, ke la tuta E-movado estu koncentrita en unu forta organizaĵo, ĉar per tiel unuigitaj fortoj nia afero povus esti antaŭenpuŝata kun multe pli granda sukceso. La unuecigo de E.-organizaĵoj estos praktike ne tiom facile efektivigebla kiel ĝi ŝajnas teorie. En kelkaj landoj ĝis nun oni ne unuiĝis en unu tutlanda asocio kaj oni vane devigus iun al tia paŝo. Kiamaniere do unuigi ilin en unu *tutmonda* organizaĵo ? Plue ekzistas unuopaj esperantistoj kiuj havas ĉu motivitan ĉu nemotivitan malsimpation al la propra nacia asocio kaj estas aliĝintaj nur al UEA. Ĉu oni povas kaj rajtas devigi ilin aliĝi al ilia nacia organizaĵo ?

Do kiel jam dirite, kreo de unusola internacia organizaĵo estas praktike apenaŭ realigebla, ĉar ni estas — nur homoj.

Eble troviĝus alia ebleco, kiamaniere ŝparigi monon al esperantistoj kaj sen perforto konduki ilin en la internacian — pli ĝuste — supernacian organizaĵon. Antaŭ ĉio oni devas konsciiĝi, kian celon havas la naciaj organizaĵoj. Ilia tasko unuloke ja estas propagandi E. inter la samlingvaj ne-esp. istoj. Sed kiel oni volas turni la atenton al nia movado de esperanto nescianta publiko, se la naciaj societoj eldonas gazetojn nur aŭ plejgrandparte en esperanto ? Kaj kion diri, se ekzistas en unu lando eĉ kelkaj tiaj naciesperantaj gazetoj (kiuj — preterdire — nur vivetas)? Ĉi tie oni devus komenci reorganizadi !

La landaj (naciaj) organizaĵoj aperigu nur nacilingvajn ĉefe propagandajn gazetojn por interesigi la nesciantan publikon. Kiu jam scipovas E., tiu abonu bonan vere internacian ĵurnalon aŭ revuon (aŭ kelkajn) — laŭ la poŝo. Tio rezultigus utilon por ĉiuj : La naciaj societoj per eldonado de nura nacilingva gazeto plimalaltiginte la kotizon, akirus pli grandan nombron da anoj. Kaj niaj nomindaj internaciaj entreprenoj, akirinte multnombran abonantaron, estus kapablaj plibonigi ev. pliampleksigi iliajn eldonaĵojn aŭ kompletigi resp. pliperfektigi la servojn al la esperantistaro.

Vaclav STRIHAVKA, VD en Kladno, Ĉeĥoslov.

* * *

S-ro L. Thomson, MA de UEA 10065 en Pymble, N.S.W., Aŭstralio, skribis al ni :

... espereble la diskutoj pri reorganizado de la movado kaj de UEA alportos pli da forteco al UEA. Ŝajnas al mi, ke UEA estas kvazaŭ la plej natura centra organizado al kiu sin turnu la movado — sed mi kredas ke UEA devas zorge gardi sian rajton je rekta varbado de individuaj membroj. Se UEA fariĝas nur la pala ilo de la tiel nomitaj naciaj societoj, ĝia povo por bono baldaŭ velkos. La manko de persona, individua aneco malutilas kaj malutiligas rilate al

ekzemple Ligo de Nacioj. Ĝi nur estas Ligo de registaroj — kaj ĝis tiu grado ke la popoloj malfidas al la registaroj ili malfidas al la ligo. Eble UEA povus mem trarigardi la sistemon aŭ regularon de Rotary International kaj elsuĉi ion valoran. Al kelkaj anoj ĉi tie ŝajnas ke la UEA havas tro komplikitajn regulojn k.t.p. Rotary estas eble eĉ pli komplikitaj.

⁂

Vivu UEA... Okaze de nuligo de la kontrakto de Helsinki mi asertas mian simpation al UEA... Cornelia de Souza Andrade, Miracema, Brazilo.

⁂

El letero de la vicprezidanto de Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio, D-ro Friedrich Bluth, en Neuenahr, Germanujo, ni ĉerpas :

« Konvinkite ke UEA en la proksima jaro bezonas urĝe pli da oferoj flanke de la membraro ol iam, mi tuj plenumas la devon sendi al vi la deziritan tekston, aldonante la postulitan krompagon de Fr. 2.50 Kore mi esperas ke la malfacilaĵoj de UEA baldaŭ malaperos kaj plena unueciĝo de la Esperanto-movado senprokraste evidentiĝis. Laŭ mia konvinko la nuntempo ne estis la taŭga momento por plena detruo de la Esperanto-konstruaĵo. Precipe Internacia kongreso devas respeguli nuran interkonsenton, sed ne plenan malkonsenton. Mi timas gravajn perdojn rezultontajn el la decidoj de la pariza kongreso.

## Pri novaj vortoj

S-ro Esselin, Ano de l'Lingva Komitato sendis al ni respondon al artikolo pri sama temo en pasinta numero, paĝoj 144-145 :

Ĉiuj Lingva-Komitatanoj ricevis cirkuleron de S-ro Fischer, Bucuresti pri novaj vortoj eventuale oficialigeblaj en la 5-a Aldono. Mi dezirus prezenti pri ĝi al la Akademianoj kelkajn rimarkojn — Mi konsentas, ke ni ne devas plipezigi nian Oficialan Vortaron per senĉesa amaso da novaj vortoj. Ni devas iom halti.

Sed tio ne estas motivo, ke ni akceptu nur la 23 unue montritajn vortojn de S-ro Fischer, kaj formetu apriore kaj senekzamene ĉiujn aliajn. Sufiĉe multaj el la tiel nomataj internaciaj kaj duonfakaj vortoj jam eniĝis la komunan lingvon kaj gazetojn, ni do enlasu la plej taŭgajn en la proponotan Aldonon, kiel oni faris ĝis nun pri la antaŭaj.[1] Kredeble ĉi tiu 5-a Aldono ne restos por longe la lasta ; ne estas do la momento por ŝanĝi ĝian aranĝon. Plie ĝi estu sufiĉe plena por ke oni ne urĝigu nin denove.

Mi do ekzamenu podetale la koncernatan liston. Mi sekvos la ordon de S-ro Fischer :

a — El la 23 unuaj vortoj akceptitaj de S-ro Fischer, mi forstrekus : *agnoski* (konfesi, rekoni), *arbusto* (tro teknika), *fono* (fundo).

b — El la sekvantaj paragrafoj (15 + 5 + 12 vortoj) ne absolute forjetitaj de li, mi ĉiujn akceptus krom : *Kampanulo* (malofta), *hordo* (= band-aĉ-o), *fazbando* (nur nunmoda), *ŝoforo* (prefere motoristo). Mi alprenus : *filatelo* (ne filatelio) Vidu filatela Vortaro de Scott. Itala Filatela Asocio.

[1] Ĉu enmeti ilin en apartan liston ? Sed tia listo estas nek preta, nek eĉ preparata, kaj atendante ni bezonas scii kiuj el ili estas indaj je oficiala uzo.

c — El la du lastaj paragrafoj (27 + 118 vortoj tute forjetitaj de li), mi volus konservi kelkajn, kiuj ŝajnas al mi oportunaj kaj jam sufiĉe konataj en la moderna lingvo. *akordiono* (Bastien, Vocabulaire de Poche), *amfibrako* (pro jambo, trokeo, anapesto V.b.), *cerefolio* (Bastien, kuir.), *likva* (pro la 3 statoj de la materio), *transversa* (malfacile anstataŭebla-Bein, Bastien), *amendamento* (prefere amendo), *aplombo* z, *arkeo* (bib.), *aviado* — *bremso, bufro* (pro tendro V. b.) (Bastien-ambaŭ tek. sed utilaj : vojaĝoj k. c.) *damni, ekrano, generi* (pro koncipi V. a.), *grapolo* (malfacile anstataŭebla), *grunti* (pro muĝi : hundo ne ĉiam bojas, kelkfoje gruntas), *histo* (malfacile anstataŭeble), *inici* (same), *kabineto* (Kr. Z.) *klaŭno, kokri, kontesti, kooperi* (Bastien), *nano* (pro giganto), *omleto* (kuir.) Bastien, *persvadi* (Bein), *plus, minus* (ordinara matematiko), *slipo, susuri* z, (folio, silko), *surfaco* (Bein), *suvereno* z, *svelta* (ne egala je gracitalia), *ŝoki, tajdo,* (oftega), *tribo* (bib.) *volbo.*

d — Fine mi proponus aldoni : *alkalo* (ne alkalio pro alkaloidoj), *bulteno* (Oficiala Bulteno de la Akademio) *ekspertizi* z, (oftega), *glicinio* (konata ornama arbeto-Bastien), *kvalifiki* z, (prefere kvalifi), *koliero* (por braceleto), *magnezio* z (metalo Mg), *tumoro* (Bein), *varfo* (komerco).

Kun koraj altestimaj sentoj. A. ESSELIN L.K.

# Internacia Hejmo Esperantista

### ASPREMONT (A.-M.), 14 km. ekster NICO

## RAPORTO.

*Gastoj.* 28 Esperantistoj el 11 landoj : 27 ne-esperantistoj el 10 landoj : entute 55 el 18 landoj. Vizitintoj dum tagoj : 89.

*Donacoj por fruktarboj.* po 10 francaj frankoj :

S-roj J. Dall'Olmo : E. Zitelli ; H. Van Zurk ; M. Ragnoni ; I. Fresco ; (ĉiuj en Nice) ; G. Agricola, Ĝenevo ; R. Chance, Reims ; J. Kreibig, Chamonix ; J. P. Espesset, Auxonne ; J. Borel, San Remo ; A. Rivier, Alĝero ; V. Koc, Plzen ; Angelo Arabeno, Genoa ; F. Cesarini, Potenza ; F-inoj H. Hayter, Londono ; S. Moscicki, Berlino.
Po 20 fr. Frankoj :
S-ro L. Ollivaud, Nice ; Nicea Esperantista Grupo.
Por oranĝarbo, S-ro J. Ravestein Jr., La Hago, — 50 fr. frankojn.
Amiko el München sendis 6 fr. frankojn por arbo.
Arbo kostas 10 fr. frankojn. Entute 22 arboj.
*Por Forno.* — S-ino M. Tiard (mortinta), Parizo, 100 fr. F-ino H. Hayter 5 fr. S-roj J. Kreibig 10 fr. R. Chance 20 fr. A. Rivier 90 fr.

*Por ĝenerala kaso.* — F-inoj M. Jones, Seven Sisters, Glam, Britujo, 28 fr. ; A. B. Edwards, Bishop Auckland, 28 fr. ; I. Spink, Londono, 49 fr. ; E. Tham, Holsenelbe, 5 fr. ; pere de S-ro J. W. Chambers, Londono, laŭ listo en « British Esperantist » septembro 1932 £4-7-6 (+ £3-5-0 kvitancita en aprilo 1932) ; Nicea Esp. Grupo 20 fr.

*Objektoj ĝeneralaj.* Iloj por ĝardenado, S-ro R. Goodland ; 4 steletoj, Nicea Esperantista Grupo ; Tranĉilo por tomatoj, senŝeligilo por oranĝoj, citronpremilo kaj nuksrompilo, F-ino S. Moscicki.

*Libroj por la Biblioteko.* S-roj A. A. Saĥarov, Moskvo ; E. Deligny, St. Omer ; K. V. Haartman-Harteva, Helsinki ; J. Estour, Sollies Pont ; S-ino E. de Daly, Bordighera ; Nicea Esperantista Grupo ; Belisma-Koopera-Kulturejo, Japanujo.
Al ĉiu donacinto koran dankon.
La nova prospekto, eldonita en Julio kaj presita ĉe « Heroldo », ricevis favorajn komentojn. Petu ekzempleron de la Hejmo.
La aldono de aŭtomobilo al la Hejmo estas tre oportuna. Ĝi kunligas la Hejmon kun al centro de Nico en 30 munitoj je kiu ajn horo de tago aŭ nokto. Per ĝi gastoj ekskursas al la diversaj belaj lokoj de la Riviero — Cannes, Grasse, Monte-Carlo, Menton ktp. Dum septembro ĝi faris 544 kilometrojn.
Kelkaj vizitantoj esprimis la deziron, ke estu konstruota belvedero sur la tegmento de la Hejmo, de kie estas bela vidaĵo super la rivero Var, al la montoj kaj samtempe al la maro. Sur ĝi, dum sunbrilaj tagoj, gastoj povos sunbani sin. Entreprenistoj nun preparas prezon por la laboro. Estas proponite uzi la monon en la ĝenerala kaso, ankoraŭ ne sufiĉe, por tiu celo.
La ŝildetoj kun nomo de la donacinto ĝis nun fiksitaj al ĉiu arbo estis lignaj, sed ni trovis, ke ili ne toleras la ŝanĝojn de la vetero. Kiu samideano povas konsili al ni la materialon plej taŭgan por resisti ĉian veteron kaj sur kiu la nomoj estus klare videblaj ?

# Turismo

## Esperanta Turista Komisiono

Turismo estas unu el la fakoj, kiu pli ol iu alia bezonas internacian lingvon, por facile interrilati kaj interkompreniĝi kun aliaj popoloj. La turisto ja vojaĝas eksterlanden ne nur *vidi* pejzaĝojn kaj urbojn, sed ankaŭ por ekkoni la popolojn. Sed tion li ne povas fari, ne konante la lingvon de la lando; ankaŭ la grandaj kulturlingvoj (angla, germana, franca) ne multe utilas, ĉar plej ofte la scio estas tro supraja por libere interŝanĝi pensojn. La turisto sentas sin tute fremda en la lando, li nur vidas, sed malmulton povas kompreni, kaj la homoj de la lando restas por li sfinksoj. Ofte li havas eĉ miskomprenojn pro nesufiĉa interkompreniĝo kaj revojaĝante li kelkfoje kunportas malbonan impreson pri la vizitita lando.

Jen kial nia Esperanto devas interveni en la internacia turismo. La Esperanta Turista Komisiono en Estonio kaj Svedlando jam dum kvar jaroj laboris en tiu kampo kun sukceso, pli bona ol oni iam povus esperi. Kiu vojaĝas per ETK kaj scipovas Esperanton, sentas sin tuj hejme en la fremda lando. Ne okazas lingvaj malfacilajoj inter la gesamideanoj, kiuj ĉiel ilin helpas, ĉion al ili klarigas kaj servas kiel interpretistoj. Tiaj turistoj povas nature fundamente konatiĝi kun la vizitata lando kaj ĝia popolo, ili ankaŭ neniam bezonas en manĝejo kokokrii por ricevi ovojn, kaj reveturante hejmen ili kunportas la plej bonajn impresojn pri sia vojaĝo.

Malgraŭ la krizo ankaŭ en la pasinta somero la agado de ETK estis vigla kaj bonsukcesa. Inter Estonio kaj Svedlando estis aranĝitaj 9 grupvojaĝoj kun 157 personoj (85 estonoj kaj 72 svedoj). Krome la sveda ETK aranĝis karavanon al la 24-a en Parizo kun 45 personoj, same la estona, kies popularan omnibusvojaĝon partoprenis 37 personoj. Tiu omnibusa ekskurso vekis bonan atenton en Estonio: la gazetoj kelkfoje skribis, aperigante eĉ bildojn, ktp. Ĉar tia omnibusa veturo montriĝis pli komforta kaj agrabla, ankaŭ pli malkara ol fervoja, oni intencas estonte ripeti tiajn ekskursojn.

Sed la estona ETK limiĝis ne nur per la ekskursoj al Svedlando kaj al la Pariza kongreso: ĝi ankaŭ aranĝis grupvojaĝon al Finnlando kaj ekskursojn enlande por la alvenintaj eksterlandanoj. Entute partoprenis en la ekskursoj de la estona ETK dum la pasinta somero 239 personoj, kaj kune kun la sveda ETK la nombro de la personoj, kiuj uzis la servon de ETK, estis 396. Dum la sama tempo la spezoj de ambaŭ ETK estis rondcifere 28.000 svisaj frankoj.

En la ekskursoj partoprenis ankaŭ ne-esperantistoj. La ĉefa celo de ETK estas enkonduki Esperanton en la turismo kaj ĝiaj aranĝoj estas la plej bonaj propagando kaj argumento por la publiko kaj la turistaj aŭtoritatoj. Pro tio oni faras reklamon por la ekskursoj ne nur en la Esp-a medio sed unue kaj ĉefe en la nacilingva gazetaro, per mur-afiŝoj, flugfolioj, ktp. Dum la jus pasinta somero la estona ETK faris reklamon por siaj aranĝoj eĉ per radio! Dank' al tio oni atingis la staton, ke ETK estas tre populara en Estonio kaj Svedlando. Interalie, en tiu ĉi jaro ETK estis la sola organizo en Estonio, kiu sukcesis aranĝi ekskursojn al aliaj landoj krom Finnlando! Tiu fakto sufiĉe bone parolas por si.

Kompreneble ETK zorgas ankaŭ pri turisma propagando de sia lando eksterlande. Dum la somero la estona ETK eldonis tutan serion da sigelmarkoj pri la plej belaj lokoj en Estonio. Tiuj markoj akiris en Estonio ĝeneralan popularecon kaj trovis eĉ oficialan rekonon: la Centra Organizo de Turismo ĉe la ministerio por trafiko aprobis kaj rekomendis ilin por ĝenerala uzo kaj la poŝta administracio permesis ilian vendadon en la poŝtkontoroj de la lando. Okaze de la 300-jara jubileo de la universitato en Tartu ETK eldonis kune kun la loka grupo gvidlibron pri Tartu, kiaj ekzistas krom Esperanto nur en la estona kaj germana lingvoj (ĝi estas ricevebla por unu resp.-kupono ĉe ETK. poŝtkesto 6, Tallinn, Estonio).

La potenca Sveda Trafik-Asocio (Svenska Trafikförbundet) eldonis en Esperanto belegan kaj multekostan bildkarton pri sia lando, kies unua eldono estas jam elĉerpita. La sama asocio decidis inviti al Stockholm la 26-an universalan kongreson de Esperanto en 1934!

Ne malpli konvinka estis la laboro de la estona ETK: ĝi havas en la Centra Organizo de Turismo, kiu antaŭ nelonge decidis vaste ekuzi Esperanton, sian reprezentanton. Ties direktoro ofte laŭdis la modelan laboron de ETK kaj kune kun la prezidanto de la Estona Turista Klubo proponis intiman kunlaboron inter la tri organizoj.

Same la Estona Kantista Asocio, kiu aranĝas la 10-an jubilean kantfeston en Tallinn la 23-25 de Junio 1933, decidis por la eksterlanda reklamo pri tiu kantfesto vaste uzi Esperanton (en la propaganda komitato por la kantfesto sidas ankaŭ reprezentanto de ETK): krom broŝuro de Esp-o eldoni tiajn nur angle, germane, svede kaj finne kaj la tutan materialon disvastigi per Esperanto kaj per helpo de la esp-istoj kaj Esp.-organizoj. Oni povas kompreni, kiom radikala estas tia decido kaj kian gravecon ĝi povas havi por nia movado: ne plu temas pri ia eksperimento, sed pri serioza uzado de Esperanto kiel internacia lingvo! Por ke la rezultato estu laŭeble bona, ni petas energian kunlaboron de ĉiuj gesamideanoj kaj ĉiuj Esp-organizoj. Post iom da tempo ni revenos al la afero, prezentante detalajn planojn por la kunlaboro.

Henrik SEPPIK.

*Rim.*: Bonvolu uzi tiun ĉi artikolon por la nacilingva gazetaro kaj sendu eltranĉaĵojn al H. Seppik, c/o revizoro Arnessen, Bøndernes Bank, Oslo, Norvegio.

# ALVOKOJ

## Danku!

La grava argentina institucio por civila aviado « *Aero Club Argentino* », metis siajn flugaparatojn je la dispono de Argentina Esperanto Asocio, por la propagando de Esperanto.

En tiu ĉi numero de la gazeto vi povas vidi fotografajon de la unua okazinta flugo.

Ni petas vin plej insiste, bonvolu sendi leteron aŭ poŝtkarton al la suba adreso, dankante la estraron de tiu institucio pro la senkondiĉa kaj valora helpo al nia laboro. Argentina Esperanto Asocio antaŭdankas vin plej sincere pro la bona plenumo de tiu ĉi peto.

La korespondajojn bonvolu adresi: « Aero *Club Argentino* » — Str. Esmeralda 238 — Buenos Aires — Argentina.

Koran dankon al ĉiu!!!

### *Gvidlibroj pri Norvegio kaj Estonio.*

La granda norvega turista asocio « Landslaget for Reiselivet i Norge » intencas eldoni broŝuron pri sia lando en Esperanto. Por rapidigi la eldonon kaj pruvi al la asocio, ke vere ekzistas bezono pri tia broŝuro, estus bone, se ĝi ricevus el eksterlando laŭeble multe da petoj. Bonvolu do skribi al la nomita asocio (Oslo, Norvegio) aŭ al Bennett, Oslo, Norvegio, sed ne diru, ke vi legis pri la broŝuro en Esperanta gazeto!

Antaŭ nelonge la Estona Centra Organizo de la Turismo ĉe la ministerio por trafiko decidis eldoni propagandan broŝuron pri Estonio. Por rapidigi ankaŭ ĝian eldonon, bonvolu sendi laŭeble multajn petojn pri tia broŝuro al Eesti Touring Club, Tallinn, Estonio.

La broŝuroj estos dissendataj senpage.

### *Rotary kaj Esperanto.*

Rotary International la 15an de Septembro 1932 havis 3531 klubojn en 72 landoj kun 151.000 membroj; el tiuj 2443 kluboj kun 106.000 membroj en U.S.A. (70%). La nuntempa disvastigo ankaŭ en la aliaj kontinentoj donas la okazon sisteme enkonduki Esperanton en ĝia internacia laboro. Ni faru ĝin!

Informiĝu ĉu Rotary klubo ekzistas en Via urbo. Se jes, prenu kontakton, oferu Vian servon kiel tradukanto per Esperanto, proponu paroladon pri Esperanto en la klubo, se Vi povas prezenti bonan paroladanton informu la klubon pri okazontaj Esperanto kursoj. Instigu la rotarianojn ĉu mem lerni Esperanton aŭ sendi oficistojn al la kursoj. Instigu la sekretarion komuniki notojn pri Esperanto en la klubgazeto. Kolektu anoncojn por Heroldo de Esperanto, Esperanto Ĝenevo aŭ U.E.A. se la membroj de la kluboj havas eksportentreprenojn. La sukceso dependas de Vi mem. La rekompenco por Via agado sin montros en la disvastigo de Esperanto ankaŭ en la influoriĉaj rondoj de Rotary International.

Depost la 1-a de oktobro sekretariejo por Rotary-Esperanto estas starigita ĉe la Rotary klubo en *Dresden*, *Waisenhausstrasse* 20.

Prezidanto: Konsulo Dr. H. Arnhold, bankisto.

Sekretario: Konsulo K. v. Frenckell.

Por eventualaj respondoj ĉiam aldonu respond-kuponojn.

(Represo permesata).

# Mi serĉas tradukantojn

## en la negermanlingvaj regionoj de la tuta mondo

Ili devas:

1. Esti kapablaj bonstile kaj elegante traduki artikolojn verkitajn en Esperanto en sian nacian lingvon;

2. Havi bonajn interrilatojn al gravaj gazetoj (ĉiutagaj aŭ periodaj) de sia lando, por instigi ilin al publikigo de artikoloj, kiuj rilatas ekonomiajn, industriajn kaj komercajn aferojn kaj estos laŭ sia enhavo valoraj kaj de publika intereso.

Tiuj samideanoj, kiuj estos pretaj, labori kun mi (por entrepreno cetere ankaŭ valora por nia Esperanto-propagando) estas petataj, skribi al mi tre baldaŭ sian adreson, por ke mi povu informi ilin pri mia laborplano, kaj por ke ni povu interrilati pri la reciprokaj kondiĉoj.

Kun samideana saluto.

Prof. Dr. Dietterle

Leipzig C.1 Beethovenstr. 19.

## Atentu grupoj kaj delegitoj!

La « Juĝistara Oficista Asocio » (nombro 3.000; *ne* juĝistoj) (en Budapesto) en Hungarlando la 4 Decembro 1932 festos la 25 j. datrevenon de sia *memstara* fondigo.

La jubileo okazos en solena formo kaj la Asocio volonte invitas kaj gastigas ankau la eksterlandajn samprofesulojn.

Interesuloj petu informon de S-ro Géza *Berki*, landa sekretario de la Asocio, direktoro de helpkontoroj ce Apelacia Juĝistaro, delegito de UEA, *Debrecen*, Kir. Tabla. Hungario.

# Konkordo kaj Progreso

Asocio kies celoj estas :

Starigi amikajn rilatojn inter la popoloj kaj ebligi al ili bonan interkompreniĝon ;

Studi ekster ĉia utopio kaj ĉia persona prefero pri politikaj aŭ religiaj partioj, la rimedojn por solvi la grandajn internaciajn problemojn, ne kompromitante la suverenecon kaj la sekuron de ĉiu nacio ;

Krei inter la anoj senton de solidareco, de konkordo kaj interhelpo ;

Helpi al disvastigo de ĉiaj inventoj, kiuj plibonigas la sociajn kondiĉojn ;

Subteni kaj defendi la inventistojn, klopodi, kiam necese, revizion de leĝo pri la industria propaĵo, kaj kreon de leĝoj por la protekto de la scienca propraĵo ;

Okupiĝi pri ĉiaj sociaj demandoj, kiuj celas al plibonigo de la sorto de la homaro ;

Ebligi la popularigon de interesaj verkoj kaj inventoj ;

Aperigi, kiel eble plej frue, en kvin lingvoj revuon :

« *La voĉo de nacioj* »

Organo de konkordo kaj de Socia Progreso

Ĝi estos semajna revuo, dekses-paĝa, kies celo estos realigi la supran programon kaj krei amikan spiritostaton inter la popoloj. Multaj homoj legas nur ĵurnalojn, kiuj estas sub la influo de partioj kaj tiel kreas al si falsan ideon pri la veraj sentoj de aliaj popoloj, kiujn ili miskomprenas. Libera Tribuno estos disponebla por ĉiu nacio kaj ĉiu lando havos sian redakcian komitaton.

* * *

Por atingi la celon, estis jam fondita franca Asocio, kies prezidanto estas : S-ro Kister, Inĝeniero ĉe minejoj (22, rue de l'Arcade, Paris). Similaj filioj estas kreitaj aŭ kreotaj en 25 grandaj landoj. S-ro de Ville d'Avray (11, rue du Souvenir, Courbevoie, Seine) estas ŝarĝita de ilia organizado kaj centrigo.

La kotizoj de l'Asocio « Konkordo kaj Progreso » estas :

Simpla membro, 10 fr. fr. ; Aktiva membro, 100 fr. fr. ; Bonfara membro, 500 fr. fr.

La membroj de nia Asocio povas havi jenajn avantaĝojn :

Partopreni en la redakcio de « La Voĉo de Nacioj » ;
Profiti el la fratecaj rilatoj kaj spiritostato de niaj grupoj ;
Krei al si situaciojn en niaj organizoj ;

Okupiĝi pri la disvastigado de inventoj kaj de verkoj, kaj fine plenumi mondcivitanecan devon kaj kunlabori al la Bono de la Homaro.

* * *

Esperantistoj, aliĝu multnombre al nia Asocio, vi helpos per tio ankaŭ al la akcepto kaj uzo de la lingvo internacia. Per viaj multaj aliĝoj, vi atentigos ĉiujn pri la granda valoro de nia lingvo por nia Asocio, kaj tiel, ni esperas, ke esperanto povos esti akceptota ankaŭ kiel lingvo por nia revuo.

Esperantistoj, helpu al la praktika aplikado de la lingvo.

# Oni dankas

*** S-ro J. Ŝapiro, ĈD de UEA por Polujo, kore dankas s-ron J. B. B. Dufrenne, D. de UEA en Amsterdam pro tre preciza kaj detala informo, liverita responde je malfacila servopeto kaj rezultinta gravajn sekvojn.

*** S-ro W. A. Zeylstra, VD de UEA en Amsterdam, kore dankas al F-ino Yvonne Thooris, D en Bruges por farita servo.

*** Mi tutkore dankas al s-ro Rudolf von Lidl, Delegito en Salzburg (Aŭstrio) por lia modela servemo dum mia restado en Salzburg.

Irene Rabi, Praha.



# Esperantista vivo

## Fianĉiĝo

*** S-ro Dan Trkulja, del. de UEA en Mostar, Jugoslavio, fianĉiĝis kun F-ino Kova Vukojeviĉ.

## Edziĝoj

*** S-ro prof. Josef Kozeny, Delegito de UEA en Mlada Boleslav, Ĉeĥoslovakujo kun F-ino Boza Ŝrajerová.

*** S-ro Julius Patzelt, membro de UEA en Kratzau, Ĉeĥoslovakujo kun F-ino Mariechen Kieseberg.

*** S-ro Georges Haddad, D en Port Said kun F-ino Rose di Bona.

*** S-ro Ĉenek Holubec, D de UEA en Stary Smokovec, Ĉeĥoslov., kun Sino Ela Rosendorf.

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro Albert Clemens Hösgen, Delegito de UEA en Duisburg-Ruhrort, Germanujo, 76 jara, 27.IX.32.

S-ro Milivoje R. Pavlovic, D de UEA en Bitolja, kursgvidinto, fervora samideano, 25.IX.32.

S-ro Oswin Weinhold, ano de UEA 22592 en Aue, Erzgebirge, Germanujo, (laŭ reveno de la revuo *Esperanto*).

S-ro Alois Schimek, MA de UEA 14156 en Hannover-Oberriklingen Septembro 1932. (Sen pliaj sciigoj).

S-ro Paulo Lengyel, (Lenyel Pál) Ano de la Lingva Komitato, malnova samideano, kunlaborinto de la Presa Esperantista Societo en Parizo, 3.X.32., Budapest.

S-ro Edward Saxton Payson, la granda maljuna viro (The great old man, kiel oni nomis lin Bostonaj samideanoj) forpasis 22.IX.32, 90 jaraĝa. Lerninte Esperanton post atingo de 70a jaro li dediĉis la reston de sia vivo plene al nia movado kaj tradukis multajn verkojn interalie « La akrobato de nia sinjorino », « Blanche, la virgulino de Lille », « La rozujo ĉiumiljara », « Miserere Thais », « Mimi », « La mistera Kart », kaj kun S-ro M. C. Butler « Luno de Israelo », plie la belege eldonitan verkon de Wagnalls « Palaco de danĝero ».

S-ino Kazimiera Bujvid, la edzino de la meritita prezidanto de « Pollanda Esp. Delegitaro » kaj komitatano de UEA, prof. D-ro Odo Bujvid, mortis la 8.10. n. j. en Krakovo en aĝo de 65 jaroj. Ŝi estis fervora batalantino por virinaj rajtoj kaj senlace laboris por la klerigo de virinoj kaj por nova, progresema tipo de homo. Dank' al ŝi fondiĝis en Polujo en la j. 1896 tiam la unua virina gimnazio krakova. Ŝi multe kunlaboris en preskaŭ ĉiuj polaj progresemaj virinaj gazetoj kaj verkis ankaŭ aron da broŝuroj. Ŝi estis fidela kaj milda helpantino de nia ŝatata kunbatalanto prof. Bujvid. La esperantistaro funebras kun li pro tiu perdo. J. Ŝ.

S-ino Markizino Felicita Ferrari di Gastelnuovo, preskaŭ okdekjara, malkova UEA-anino kaj fervora esperantistino, ekskorteganino de ŝia Reĝa kaj Imperiestra moŝto la Dukino de Aosta. (Somero 1932).

F-ino Emma Ullrich instruistino, longjara Delegito de UEA en Zwickau, Ĉeĥoslovakujo.

F-ino Liselotte Rossmanith, filino de la delegito de UEA en Moravska Ostrava, Ĉeĥoslovakujo.

S-ino Ludvika Sklenckova, patrino de la ĉefdelegito de UEA en Hradec Kralové, Ĉeĥoslovakujo.

*Sinceran kunsenton !*

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj:* L-letero; PK-poŝtkarto; PI-poŝtkarto ilustr.; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko; Gaz.-gazeto; k.ĉ.l.-kun ĉiuj landoj; C.r.-certe respondos.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. Zilver, Damrak 95, (Box H. & P.) nur PM. Malrespondas bagatelojn.

*Apeldoorn* (Hollando). — S-ro M. M. Schouten, Hoogakkerlaan 49, L., PI., k.ĉ.l.ĉ.r. ĉia temo.

*Cassa de la Selva* (Hisp. Katalunio). — S-ro J. Garganta, str., Salmeron 7, kor. per 1. PM. k.ĉ.l. respondo garantiata.

*Darlington* (Anglujo). — S-ro George Mell, 3 Banklands Road, 24 jara komizo, kun sovietanoj pri la progreso de la kvinjara plano. Pri laŭplaĉaj temoj kun ge-anoj en Vieno.

*Dobrovice* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro D-ro Spiro Mersiĉ, kuracisto petas seriozajn informojn pri seksa vivo kaj seksaj societaj rilatoj de diversaj nacioj.

*Hradec Kralové* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Mudr Alfred Weiner, dentkuracisto serĉas seriozajn gekorespondantojn.

*Huesca* (Hispan.). — S-ro Pedro Bescos, Cuatro Reyes 5, PM. Ne sendas unue.

*Lielvarde* (Latvio). — S-ro Karlis Zvaigzne, pasta kaste 57, L., PI., bfl., k.ĉ.l.

*Onehunga* (Novzelando). — S-ro William Heatley, 12 Grey street, W., L., PI., bildoj, PM., tutmonda korespondado speciale kun U.S.S.R., Azio, Sudameriko.

*Seinäjoki* (Finnlando). — S-ro I. V. Ahonen, instruisto, L., pri pedagogia filozofia kaj psikologia literaturo kun fakuloj ĉ.l.

*Tegelen* (Nederlando). — S-ro Jan Curvers, Gelderschebaan 21, PM, laŭ Yvert.

*Venlo* (Nederlando). — S-ro Pierre Pijpers, Stalberg 274, PM. kun progresintaj kolektantoj laŭ Yvert.

*Voronej* (Sovet-unio). — S-ro A. Sidorov, Sredne-Smolenskaja 28, L., kolektas materialon pri opinioj de eminentuloj pri Esperanto. Ne interŝanĝas PM.

*Zaragoza* (Hispan.). — Esperanto Societo « Frateco » Str. Roda 14 y 16, k.ĉ.l. Nepre respondos.

*Zaragoza* (Hispan.). — S-ro Gonzales Rubis, Str. Caballo 4-2. PM., PI., k.ĉ.l.

*Zaragoza* (Hispanujo). — S-ro Felix Martin, Democracia 88-i-o, L., PI.



## Petoj kaj Proponoj

*INTERNACIA KOMERCO*

*Banloko Bergen N. H.* — Nove varbita samideano S-ro L. H. Grootegoed, Radhuisstraat 8, Bergen, Noord Holland eldonas tre belajn kolorajn poŝtkartojn pri la vidindaĵoj de la banloko. Apud la klarigo en nederlanda lingvo, li nun aldonas sur ĉiuj eldonaĵoj esp. tradukon. La serio de tiuj vere belaj pk trikolore presitaj kostas 4 respondkuponojn de UEA aŭ poŝtajn. La serio konsistas el dekdu kartoj.

*Belaj Esp. sigelmarkoj* pri vidindaĵoj en Estonio riceveblaj de ETK, poŝtkesto 6, Tallinn, Estonio. Prezo : 8 diversaj por 1 resp.-kupono. Ekzistas 20 diversaj.

*Detektivo privata.* — Mi kunlaborus en ĉiuj seriozaj aferoj postulanta observon, enketon, serĉon, kontrolon, iradon en la tuta Francujo. S-ro Douttė, 64 strato Bannier, Orléans, Francujo.

*Gvidlibro pri Tartu (Dorpat)* havebla por 1 resp.-kupono ĉe ETK, poŝtkesto 6, Tallinn, Estonio.

*Katolikismo.* — Ne-katolikoj kiuj deziras informojn pri la katolika diservo povos ricevi ilin senpage de unu el katolikaj informoficejoj en Nederlando pere de l'korespondanto M. Goosens, Noblestraat 10, Brielle, Nederlando.

*Krestomatio.* — Kiu sendas al mi unu ekzempleron de esp. Krestomatio, eldonita en Japanujo 1922, enhavanta kelkajn el miaj versaĵoj; mi rekompencos, sendonte por sama valoro eldonaĵojn de « Ekrelo » aŭ de CK. de SEU laŭ elekto. Georgo Deŝkin, str. Mjasnickaja 21, kv. 13, Moskvo, U.S.S.R. Sendu rekomendite.

*Partopreno financa.* — Mi interkonatiĝus kun monhava asociano por ekspedicio en Brazilan pra-arbaregon per vestaĵo de mi inventita por eviti bestdanĝerojn. Lino Huguet, Delegito de UEA, Meknès V. N., Maroko.

*Pensiono.* — Distinga familio akceptas pensianojn. Fluanta akvo, varma kaj malvarma, centra hejtado, ĝardeno. Modera prezo. — Situita kontraŭ la liceo Michelet. — S-ino du Sablon, 14 bis Avenue Victor-Hugo, Vanves, Paris.

*Pensiono.* — Esperantistino, S-ino Decourt, vidvino de Esperantisto, 41, rue de Paris, Vanves-Paris. Ĝardeno, komforto nekaraj prezoj. Esperanto parolata.

### Ŝanĝo de Adreso

La nova adreso depost la unua de Decembro de

**Oomoto Internacia**

estos la jena

**Oomoto Internacia, KAMEOKA, Kioto-Fu, Japan**
*(Trans Siberio)*

Depost la 72a numero, Decembro 1932 de O.I. nia jurnalo aperos en Kameoka, Japanujo. Tial ni petas niajn abonantojn kaj legantojn pacienci kelkan tempon.

**UNIVERSALA HOMAMA ASOCIO (U.H.A.)**
*1, rue Félix Faure, Paris (15)*

ĉesos funkcii depost la 20a de Novembro 1932 pro translokiĝo al Japanujo. Ĉiuj poŝtmandatoj, rekomenditaj leteroj, manuskriptoj, leteroj kaj poŝtkartoj devas esti sendataj al la nova adreso de Oomoto Internacia (Trans Siberio) KAMEOKA, KIOTO-FU, JAPANUJO.

# JARFINO 1932

*Subtenantoj* 1932. — Ĝis fino de l'administra jaro 1932 31.X.32 enskribiĝis 543 personoj kiel Subtenantoj. Jen la nomoj depost 500. Koran dankon al ĉiuj.

501. S-ro H. Fries, Sickendorf.
502. S-ro August Strauch, Bottrop.
503. D-ro J. Heckmann, Bottrop.
504. F-ino M. Rindfleisch, Dresden.
505. S-ro Gerhard Düniss, Jöhstadt.
506. F-ino Anna Groschoff, Magdeburg.
507. S-ro Georg Aschl, München
508. S-ro Wilhelm Schernikau, Frankfurt.
509. S-ro Ernst Aron, Königsberg-Dr.
510. S-ro Louis Planchenault, Bagnolet.
511. S-ro Harry Hawker, Bronx.
512. S-ro Gustave Vermandere, Antwerpen.
513. S-ro Kristaps Cirulis, Ventspils.
514. S-ro D. Diaz Ambrona Morena, Badajoz.
515. F-ino F. M. A. Lindström, Amsterdam
516. S-ro F. J. Belinfante, 's-Gravenhage.
517. S-ro J. D. Brakel, Rotterdam.
518. S-ro Viktoro Ruokis, Dotnava.
519. S-ro Fred H. Mc Mann, Troy.
520. S-ro Lawrence Boggs, Bingen.
521. D-ro Arn. Kijlstra, Soestdijk.
522. S-ro W. Hölzenspiess, Overschie.
523. S-ro Joachim Heidenfeld, Berlin.
524. S-ro A. C. van Ingen, Rotterdam.
525. F-ino J. A. Brauwer, Utrecht.
526. S-ro W. C. Wilson, Birmingham.
527. Prof. Pierre Bovet, Genève.
528. S-ro E. Urbach, Antwerpen.
529. S-ro José Villalobos Franco, Aguascalientes.
530. S-ro Tiberio Morariu, Den Haag.
531. S-ro Halldor Kolbeins, Stadur.
532. Regiona Esperantista Ligo, Cesky Tesin.
533. S-ro David Krémer, Kosice.
534. S-ro Otto Sternschuss, Reichenberg.
535. S-ro Matthew Deas, Beaufort West.
536. D-ro St. Kozukowski, Katowice.
537. S-ro Johann Tichawski, Katowice.
538. S-ro Roman Sakowicz, Mlawa.
539. S-ro Mazhar Hassan, Istambul.
540. S-ro Stanislaw Czubek, Warszawa.
541. S-ro Pauvrehomme, Toulon.
542. S-ro Gerrit van Heek, Hengelo.
543. D-ro Blakeley Webster, Dannemora.
544. Reinhold Schöne, Eibenstock, Germ.


INTERNACIA CSEH-INSTITUTO DE ESPERANTO

REDAKTAS KAJ ELDONAS:

Majo 1932

La 18-a de Majo

la Praktiko

LA GAZETO, KIU INSTRUAS KAJ AMUZAS

*Monata ekzerca gazeto*

**Riĉega kaj interesega enhavo, instrua kaj amuza. Trezorejo por progresantoj, grupoj kaj studrondoj**

**Abonprezo por unu jaro : 1.— usona dolaro**

**» » duonjaro : -.50 » »**

La abonon oni povas sendi en simpla letero per poŝtmarkoj de kiu ajn lando (laŭ la taga kurzo).

*Specimeno senpage al ĉiu !*

**Grava favoro ! ! !** Pro ricevita donaco *malriĉaj Esperantistoj* povas aboni tre malkare, se ili sendas por unujara abono 10 tiajn poŝtmarkojn de sia lando, per kia oni afrankas leteron al eksterlando.

« *La Praktiko* », Oostduinlaan 32, *Den Haag* (Nederl.)

# Rumana Bonhumoro

**en elektitaj rakontoj.**

*Kompilis P. Firu kaj S. Pragano.*

64 paĝa. Bona preso. 19 × 13 cm.

El recenzo :

La kvin rakontoj sub titolo : *Rumana Bonhumoro*, aperas en beleta eldono kaj tre bona stilo. Ili posedas lokan koloron, tipajn karakterojn, sed estas ofte pli ironiaj ol simple bonhumoraj. « Du lotbiletoj » montras avidon, krudon ĉe urbetanoj kaj amuzajn misokazojn; en « Oĉjo Rado » kamparano sprite spitas nobelon : « La staciestro » kaj « Li ne estas hejme » estas ŝercaĵoj, sed « La venkinto de Napoleono » plej plaĉis al mi, ĉar tre amuze pentrita estas tiu maniula profesoro, ĉiujn tedanta per sia vana dumnokta serĉado al forgesita propra nomo.

Prezo de unu ekzemplero kun sendo : 2 Fr. sv.

**Deponejo : Libroservo de UEA**

**1, Tour de l'Ile, 1, GENÈVE, Svislando**

## Esperanto-Eldonejo N. Szapiro, Warszawa, Nowolipki 8 (Polando).

***1. Leono Vienano " Esperanto per Esperanto ".***

Lernolibro de la lingvo Esperanto laŭ senpera (rekta) metodo. Kun metoda enkonduko. Nia gazetaro akceptis la jenan lernolibron kun ĝoja saluto kaj rekomendis ĝin kiel originale prilaboritan kaj bonan rektmodan lernilon. Detalojn pri la sistemo de l'libro kaj ĝiajn tutmondajn recenzojn legu en niaj prospektoj, senpage alsendataj al ĉiu postulanto. Prezo 1 sv. fr. + 10% sendkosto.

***2. " Esperantlingva Novelbiblioteko " redaktata de Leono Vienano.***

Ĝis nun aperis **ses diversnaciaj noveloj** kun streĉa enhavo kaj verkitaj en facila, flua, korekta stilo. La recenzistoj rekonis la redaktoron de l'biblioteko kiel unuarangan stiliston (« pure Zamenhofa stilo »).

1-a volumo el la hebrea literaturo N. Jeruŝalmi: **Eksiĝo,**

2-a volumo el la pola literaturo B. Prus : **La vizio. La veŝto.**

3-a volumo el la rusa literaturo P. Romanov: **La mistero. Unu horo.**

4-a volumo el la hungara literaturo L. Biro : **Fraŭlino Ida.** Porzsolt : **La vojo malsupren.**

5-a volumo el la dana literaturo H. Bang: **La hontemulo. Unua kiso.**

6-a volumo el la sveda literaturo A. Strindberg: **Amo kaj pano. Aŭtuno.**

Prezo de ĉiu volumo 0.45 sv. fr. + 10% sendkostoj.

***3. " Flirto esperanta „ prilaboris Edz-peranto.***

Facila, korekta kaj alloga stilo. Trafaj frazoj. Bona amuzilo kaj esperantlingva perfektigilo por la gejunuloj. Prezo 0,50 sv. fr. + 10% sendkostoj.

**La tuta esperantistaro havas intereson ekscii, ke**

# LA NOVA EPOKO

**La Literatur-Scienca organo de SENNACIECA ASOCIO TUTMONDA**

(Sidejo en Parizo), aperas jam de kelka tempo kun novaj vesto kaj aranĝo kaj ke ĝia jara abonprezo estas nur **2.50 gmk.** (Unuopa ekzemplero kostas **0.50 gmk.**)

Pro la fakto, ke ĉiuj abonantoj de **SENNACIULO** ricevas « La Nova Epoko », ĉi tiu lasta, 20-paĝa, grandformata, riĉe ilustrita revuo fariĝis la plej grava kaj plej disvastigata tiaspeca organo kun sia eldonkvanto de 3.000 ekzempleroj.

**La lingvoscienca rubriko**

estas jam kompetente redaktata de profesoro G. Waringhien kaj la kunlaboro de aliaj kompetentuloj estas certigata por la estontaj kajeroj. La aliaj rubrikoj estas ĉefe jenaj : **Literaturo** (poezio kaj prozo originala kaj tradukita) ; **Scienco; La Paĝo de l' Filozofo; Sur la Ekrano; Sub la Sagoj de l' Kritiko.**

Neniu esperantisto povas malhavi tiun gazeton, se li celas konscie la prosperon de la esperanta movado.

**Mendojn kun samtempa pago oni adresu al Administracio de S A T, Colmstr. 1, Leipzig 0. 27**

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE.— 775-11-32